XXV-a jaro. N° 341 (1) Monata ..uaro 19?9

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.



## Ni vidu la realon

Al ĉiuj esperantistoj en la mondo ni diras koran bondeziron por 1929, interalie al la novaj prezidantoj de ICK kaj UEA, S-roj John Merchant kaj Eduard Stettler, ĵus elektitaj. Sub ilia gvidado iru nia afero progrese kaj sukcese antaŭen! Ambaŭ estas samtempe idealistoj kaj realistoj, du kondiĉoj de vera saĝo.

Efektive, por venki, necesas bone scii, ne nur kiel oni dezirus vidi la mondon, sed ankaŭ tre klare, kiel ĝi estas fakte nun. Tio taŭgas ankaŭ por la mondlingva afero.

Nu, la mondon ne gvidas teoriaj pripensoj, sed antaŭ ĉio fortoj, ekonomiaj kaj sentaj. La ideoj venkas nur se ili alkorpiĝas al tiuj ekzistantaj fortoj aŭ fariĝas mem fortoj per eniro en la ĝeneralan praktikan vivon.

Tion bonege komprenis D-ro Zamenhof, kiu baldaŭ rezignis atendadon je akademiaj aŭ sciencaj komitatoj kaj instigis esperantistojn mem disvastigi sian lingvon por ke ĝi ekzistu kaj montru sin flanke de la nacilingvoj. Tion ankaŭ same komprenis H. Hodler, kiu organizis la esperantistojn por ke ili uzu sian lingvon kaj montru ĝin ne nur kiel sukcesan eksperimenton, sed eĉ kiel jam utilan rimedon.

Tiaj estis la taskoj antaŭ la milito. Post la katastrofo necesis religi la rompitajn fadenojn kaj rekrei la fortojn. Poste akiriĝis pluraj registaraj aŭ eĉ interŝtataj... konstatoj pri Esperanto. Efektive nia lingvo ankoraŭ ne estas sufiĉe granda potenco en la mondo, ke la registaroj povu ĝin tuj instruigi devige en ĉiuj lernejoj. Estis jam granda paŝo, ke ili ĝin permesis, rekomendis aŭ ebligis kaj donis al ĝi internacian oficialan statutecon, ekzemple kiel lingvo akceptebla por telegramoj.

Se morgaŭ Esperanto fariĝus multe pli forta kaj disvastigata, se ĝin uzus multaj kongresoj, multaj verkistoj, multaj vojaĝantoj, ne havu eĉ dubon, ke la registaroj estus devigataj konsideri ne plu nur permesojn eĉ aprobojn, sed seriozajn gravajn decidojn.

Kial ili ne faras tion jam nun? Kial ne ŝpari tempon, tuj dekreti kaj poste ĝui la oportunajn sekvojn? Tion demandas esperantistoj senpaciencaj kaj tro nesciaj pri la realo. Tre malofte en historio la leĝo antaŭas la morojn. Plej kutime la moroj ŝanĝiĝas unue kaj nur poste la leĝo sankcias tion per novaj kodoj. Nur per revolucioj okazas la malo. Sed tiam necesas ke ideo jam estu antaŭe fariĝinta nepra kredo de la venkonta partio.

Ni rigardu la realon. Ĉu Esperanton enkondukis *devige* en siajn lernejojn ia revolucia registaro en la mondo? Ĝis nun ne, ĉar en neniu partio Esperanto estis jam sufiĉe disvastigita. Estas eĉ tre bele, ke unu kuraĝis uzi ĝin sur poŝtmarkoj.

Restas do la tasko akiri por Esperanto multe pli grandan forton en la uzado por ke ĝi fariĝu efektiva parto de la internaciaj moroj kaj samtempe senlace konigi ĉiun novan uzon per la gazetaro por informi kaj gajni la publikan opinion.

Simile kiel homa korpo havas koron por dissendi sangon kaj organojn por nutri ĝin, tute simile nia movado devas 1e instrui la lingvon, 2e organizi ĝiajn uzojn, 3e diskonigi tiujn uzojn por allogi instruotojn k.t.p. rekomence. Tion ni klarigos per ekzemploj, ni bone rigardu la eksteran realon kaj ni venkos en ĝi. Tio estas multe pli grava kaj urĝa ol ĉiuj internaj tempoperdiloj.

Estis ofte la tragedio de nia movado, ke la esperantistoj perdis multe tro da tempo je internaj pli malpli bagatelaj aferoj. La plej grandaj servoj faritaj al Esperanto okazis ĝenerale ekster la « esperantista » kampo.

Se iu agema propagandisto aperas ie ajn, oni kaptas lin tuj por prezidanteco aŭ sekretarieco kaj lin lacigas per ĉiuspecaj internaĵoj anstataŭ lasi lin daŭrigi trankvile la pli utilajn taskojn de efektiva enkonduko de la lingvo en iun aŭ alian eksteran kampon.

Ĉu K.R. havas pli da membroj ol Komitato de UEA la tagon, kiam oni elektas ICK aŭ ĉu membroj de Lingva Komitato devas esti invititaj antaŭ tiuj de K.R. al iu aŭ alia kongresa akcepto, tio havas neniun valoron kompare kun la fakto ke esperanto funkciu kiel sola traduklingvo en internacia konferenco ekstera aŭ ke ĝi servu por prospektoj aŭ bulteno de iu grava firmo aŭ ekstera institucio.

Laboru por ke venontan jaron mil firmoj, cent institucioj kaj dek kongresoj uzu nian lingvon kaj daŭrigu senlace dek jarojn tiel, tiam vi povos esperi pli da atento ĉe la publiko, la parlamentoj, kaj la registaroj. Ĉu vi ne volas provi?

EDMOND PRIVAT.

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## La likvigo de la karbo

Laŭ Prof. GRÆNACHER.

El la aro da problemoj de la kemia industrio unu speciale altiris la atenton de la publiko dum la lasta tempo, nome la likvigo de la karbo. Oni komprenas per tio-ĉi tute ĝenerale procedojn, kiuj transformas la mineralan karbon en likvan hejtmaterialon, kiel ekzemple benzino. Por ricevi benzinon oni ĝis nun devis limiĝi je petrolo kiel baza materialo. La ekonomia graveco de la problemo vidiĝas el kelkaj ciferoj pri la konsumo de petrolo dum la lastaj jaroj.

En la jaro 1900 la tutmonda produktado de petrolo estis 20 milionoj da tunoj. Ĝi supreniris en la jaro 1913 ĝis 50 milionoj kaj saltegis en 1925 ĝis 150 milionoj. Tiu altiĝo klariĝas, se oni esploras la kaŭzojn de la kreskanta uzado de petrolo kiel materialo por movigi. Unue la aŭtomobilismo kaj due la ŝipveturado. En 1914 la proporcio de la ŝipoj movataj per karbo estis 96,6 %, en 1925 nur 68,8 %. La nombro de la ŝipoj uzantaj oleon de 2,9 % al 27,4 %, tiuj de la motorŝipoj de 0,5 al 4,3 %. Sed en rekta malproporcio je tiu-ĉi evoluo estas la kvanto de ekzistanta petrolo.

Kvankam oni elkalkulis, ke ĉe tia grandiĝanta ekspluatado la oleokampoj elĉerpiĝos post nelonge, ni tamen ne volas doni tro grandan signifon al tiuj ciferoj. Sed estas nekontesteble, ke la provizo de la oleo estas malpli ampleksa ol tiu de la karbo, je kio en Eŭropo ekzemple, regas ankoraŭ abundeco. La oleoproblemo havas, kiel oni scias, ankaŭ politikan flankon. La ĉefa produktanta lando de petrolo estas Ameriko, dume Eŭropo liveras proporcie etan kvanton. Tial, la plimulto de la eŭropaj ŝtatoj dependas de la bona volo de l'oleoproduktantoj, kiuj povas okaze misuzi tiun dependencon politike. Pro tio klariĝas facile, kial scienco kaj tekniko dum la lastaj jaroj sin ardege okupis pri la problemo de la *artefarita preparo* de petrolproduktoj, speciale de benzino el la karbo.

La terkarbo konsistas el altmolekulaj organikaj kombinaĵoj, kiuj enhavas krom karbono kaj hidrogeno ankoraŭ oksigenon, nitrogenon kaj sulfuron. La valoraj eroj de la petrolo konsistas el saturitaj karbohidrogenoj. Ĉe altaj temperaturoj, 800-1.000 gradoj, disiĝas ĉe la terkarbo la altmolekulaj substancoj, speciale disiĝas molekulforme la hidrogeno, kiun ni retrovas en la lumgaso. Ni ricevas do kiel likvan produkton la karbohidrogenojn de l' terkarba gudro, ekzemple benzolo, toluolo kun malmulte da hidrogeno. Sed nenian benzinon hidrogenriĉan. Ekkoninte tiun fakton, oni klopodis eligi de la terkarbo la jam formiĝantajn hidrogenriĉajn kombinaĵojn per apliko de malpli altaj temperaturoj, ĉirkaŭ 500 gradaj. La procedo estas la koaksigo je malalta temperaturo. Oni ricevas likvan produkton, la pragudron. Ĝi diferencas de la gasgudro per tio, ke en ĝi troviĝas nenia aŭ nur malmulte da benzola karbohidrogeno male, konsiderinda aro da produktoj petrolsimilaj. La kvanto de benzino tamen nur estas 1-2 % de la uzita karbo, tiel ke la ĉefprodukto estas la tielnomata duonkoakso. Estas ankoraŭ longa vojo ĝis la likvigo de la karbo.

Oni atingas pli bonan rezultaton se la malkombinigo de la karbo okazas *sub premo* en hidrogena atmosfero. Tio estas la likviga procedo eltrovita de D-ro Bergius, nomata Berginprocedo. La terkarbo estas polvigata kaj suspendata en peza oleo. Tiu-ĉi suspendaĵo estas varmegigata sub hidrogena premo de 150-200 atmosferoj. Per la enmikso ĝis 450° de la karbopolvo en oleo, ebliĝas tute fiksita, daŭre sama temperaturo; tio estas grava por la likviga procedo, kiu fariĝas pli kontinua. Laŭ diro de kunlaboranto de Bergius oni povus atingi en pogranda provo, ke 50 % de la karbo likviĝos.

Ekonomian gravecon tiu plibonigo de la karbo havos nur, se la kosto de tiu procedo estas sufiĉe malalta sub la vendovaloro de la produktaĵo. Decidan rolon en la prikalkulo de tiaj procedoj ludas la akiro de malmultekosta hidrogeno. La Berginprocedo distingiĝas nun per tio, ke por ĝi ne necesas pura hidrogeno. Povas sufiĉi gasmiksaĵoj hidrogenriĉaj. Tiajn miksaĵojn oni povas rekte ricevi el la metanriĉaj gasreziduoj varmegigante ilin per akvovaporo en speciala gasdisigilo. Malgraŭ tio, la Bergin procedo ĝis nun ne havis sukceson okulvideblan. La kaŭzo estas la tro multekostaj altprem-instalaĵoj. Plie ne sufiĉe daŭras la valoraj benzinkarbaj hidrogenoj. La ĉefprodukto estas pezaj fenolriĉaj, malpli valoraj oleoj. Ricevante nun ĉe la disprema procedo de la karbo, ĉefe pezan oleon oni celis ĉe la likvigo de la karbo unuavice la akiron de malalt-molekulaj benzin-karbohidrogenoj. Oni provis dum lasta tempo solvi la problemon laŭ principe tute nova metodo, nome per sintezo el plej simplaj karbonkombinaĵoj. Kondukante akvovaporon super ardantan koakson oni ricevas akvogason, (Hidrokarbongaso) miksaĵo de karbonoksido kaj hidrogeno. Tiu-ĉi akvogaso formas ne multekostan, tre facile kaj ne limigite riceveblan bazan produkton. Jam de longe oni scias ke dum transpaso de karbonoksido kaj hidrogeno super ardigitaj katalizatoroj, kiel ekzemple plateno aŭ nikelo, oni ricevas metangason. Nature la redukto de l'karbonoksido al metano ne fariĝas per unu bato, sed la procedo trairas interŝtupojn. Ekzemple tra formaldehido kaj metilalkoholo, kaj la uzitaj katalizatoroj kondukas senpere al la plej alta likva produkto de l'karbono. Montriĝis, ke laŭ uzado de certaj katalizatormiksaĵoj, oni sukcesos haltigi la redukton de l'karbonoksido, tiel ke ĝi ne kondukas ĝis la metano, sed restas ĉe difinita interŝtupo.

Unu el la ĉefaj suksesoj de la lastaj jaroj estas la teknika metanolsintezo el akvogaso. Ĝin atingis unue la Badena Anilinkaj Sodofabrikoj en Ludwigshafen. Metanolo estas la nomo por metilalkoholo, aŭ ligno-alkoholo, produkto, kiun ĝis nun oni akiris el seka distilado de ligno. Por ĝia sinteza reproduktado el karbonoksido kaj hidrogeno oni devis unue atingi du ĉefajn faktorojn: Unue la taŭgan miksaĵon de katalizatoroj kaj due la kondiĉojn, laŭ kiuj tiuj materioj kuniĝas en praktika maniero al metanolo. Kiel katalizatoroj pruviĝis la miksaĵoj el metaloksidoj, kiuj entenis zinkoksidon. Tamen estas sekreto kiel kunmetiĝas la nur pogrande uzata katalizatoro. Sed la vazoj uzitaj por tiu reakcio devis esti el speciala materialo, ĉar oni devis eviti la kontakton de la gasoj kun la fero. Krom tio necesas konstanta temperaturo je 450° kaj premo je 200 atmosferoj. La ekspluataĵo je metilalkoholo estas bona kaj oni jam povas paroli pri la *likvigo de la karbo*. Se ankoraŭ ne rezultiĝas benzino, ĝi tamen estas likva brulmaterialo. Ĝi jam nun povas esti uzata, miksita kun karbohidrogeno kiel energio por motoroj. La ekonomia efiko de la sintezo jam nun estas konstatebla. La germana kiel la usona industrioj de produktado de metanolo el ligno, ne plu povas konkurenci. La sinteza produkto kiu estas multe pli pura, estas malpli kosta ol la elligna metanolo. Laŭ usona statistiko la importo de metanolo estis nulo en 1924, dume en 1925 ĝi atingis 2,1 milionoj da litroj el Germanujo. Tio estas do post la sukceso de la teknika sintezo. La cifero ankoraŭ altiĝas senteble.



Jam ĉe la ellaboro de la metanolsintezo oni observis, ke sub ŝanĝitaj cirkonstancoj oni povos ricevi pli altgradajn alkoholojn kaj kio estas rimarkinde, miksaĵojn de karbohidrogenoj, kiajn ni havas en la benzino. Pri la efiko kaj ekonomieco de tiu-ĉi procedo, kiu ankaŭ apartenas al la Badena Anilin- kaj Sodofabrikoj oni ĝis nun ne aŭdis ion pli precizan aŭ detalan. Paralele oni povus citi ankaŭ la sintolprocedon de F. Fischer, ĉe kiu sub apliko de premo, alta temperaturo kaj alkalizitaj katalizatoroj oni ricevas el akvogaso miksaĵon de superaj alkoholoj, acidaĵoj, ketonoj, kiun oni nomas la *sintolon*, rekte uzeblan kiel brulmaterialo por motoroj. Duavice oni povus per ardigado sub premo disigi akvon, el kio rezultiĝas benzinsimilaj karbohidrogenaj miksaĵoj, la *sintino*. Rekta formiĝo de miksaĵoj de karbohidrogenoj en pli granda kvanto ne estis konstatebla. Lasttempe Fischer konigis multe promesontajn eksperimentojn, laŭ kiuj oni sukcesas ricevi miksaĵojn de karbohidrogenoj rekte el akvogaso, bolantajn je malalta grado sen apliko de premo, per uzo de certaj katalizatoroj, kiuj entenas kobalton. La ekspluatado estas tiom promesiga, ke oni povas pensi pri teknika valorigo de la procedo. Jam ŝajnas, ke la laboratoria eksperimentado estas finita.

Ekzistas do hodiaŭ tri principe variaj vojoj por transigo de karbo en likvaj miksaĵoj de karbohidrogenoj.

1. La rekta likvigo de la karbo laŭ procedo Bergin, de profesoro Bergius en Heidelberg, procedo kiu ĉefe liveras altmolekulajn kombinaĵojn.
2. La akiro de malalte bolantaj karbohidrogenoj el akvogaso per apliko de premo laŭ la procedo de la Badena Anilin- kaj Sodofabrikoj.
3. La procedo de F. Fischer, el akvogaso sen premo.

Kiu el la tri manieroj estas la plej ekonomia, tion montros la estonteco. La celo de tiuj procedoj ne estaś ricevi pli malmultekostan benzinon ol nuntempe, sed protekton kontraŭ la minaco de la elĉerpigo de petrolo. Aliflanke oni deziras atingi certan sendependecon de tiuj landoj kiuj havas kvazaŭ monopolon de la petrolo.



## SOCIA VIVO



## Ĉu la homaro trograndiĝas ?

La opinio de Prof. Charles Gide.

En sia kooperativa revuo « L'Emancipation » presata en Nîmes, la eminenta franca ekonomisto Gide skribas:

Ĉar nia globo havas limigitan surfacon ĝi povas kaj iam povos surhavi nur limigitan kvanton da homoj. Aserti la malon estas ne nur malsaĝe, sed kontraŭsence, kvazaŭ diri, ke la enhavaĵo povas esti pli ampleksa ol la enhavanto.

Al tiuj, kiuj iom hezitas konstati tiun envidentaĵon, mi proponas la jenajn ciferojn:

Ĉe la mezo de la lasta centjaro la homaron sur nia globo oni ciferumis je unu miliardo da loĝantoj. Tiu cifero estis oportuna por la tiamaj lernantoj kaj ili ne forgesis ĝin. Hodiaŭ la cifero estas 1.800 millionoj. Tiel en la mallonga tempo de unu homa vivo, la homa formikaro kreskis je 800 milionoj kaj, en 1950 la cifero 2 miliardoj estos jam preterpasita. Do en unu centjaro la loĝantaro de l' mondo estos duobliĝinta.

Ne multe estas unu centjaro en la vivo de l'homaro! Supozu ke la progresado daŭros, skribu mem la ciferojn: vi ricevos 4 miliardojn en la jaro 2050, ok en la jaro 2150 kaj pli ol 1.000 miliardoj (triliono) post dek centjaroj.

Konsiderante nur Eŭropon jen la ciferoj:

| Jaro | Milionoj da loĝantaj |
|---|---|
| 1750. | 170 |
| » 1800 | » » 200 |
| » 1850 | » » 280 |
| » 1900 | » » 400 |
| » 1925 | » » 480 |

Rimarku la lastajn ciferojn: En 75 jaroj la loĝantaro de Eŭropo gajnis 200 milionojn da homoj kaj tamen estas ĝuste tiu periodo, dum kiu la limigo de naskoj ĝeneraliĝis kaj ankaŭ dum kiu la milito mortigis 8 milionojn da homoj rekte kaj saman kvanton nerekte. Tiu terura sangado pasis kzazaŭ nerimarkite en la kreskado de la loĝantaro. En la supreniranta linio de l' grafiko pri tiu kresko oni apenaŭ rimarkas mallongan etan reklinon.

Se vi supozas nun ke tiu kresko daŭros kaj, se vi skribos la ciferojn, vi ja vidos ke ne necesos multaj centjaroj por ke la surfaco de Eŭropo, cetere ne tiom vasta, estu kovrata per amaso da homaj estaĵoj ne havantaj sufiĉe da loko por kulturi, eĉ por loĝi.

## Novaj produktejoj de tritiko

De Sir Henry Rew.

De tempo al tempo oni legas la jam malnovan profetaĵon, ke en proksima estonto mankos la necesaj nutraĵoj al la homaro. Tiu-ĉi profetaĵo bazas sur du faktoj ne pridubindaj: nome, ke la plimultiĝo de la homaro ne havas limon naturan kaj dume la surfaco de la tero restas sama. Oni elkalkulis, ke la nuntempa loĝantaro de la tero povis deveni de unu sola hom-paro antaŭ 1800 jaroj. Estas aritmetika tasko pruvi, ke dum mezurebla, relative mallonga tempo la tero estos troloĝata. Okulvidebla estas ankaŭ ke la kulturebla spaco estas limigita por ĉiam. La kresko de la popolaro ja iras pli malrapide, sed ĝi neniam havis senteblan interrompon. Oni supozas, ke la loĝantaro de la tero plimultiĝis dum la lastaj 15 jaroj je pli ol cent milionoj.

Ekzistas nun homoj, kiuj asertas, ke ni jam atingis la limon de la produkteco de la tero, ke fakte la ebleco pligrandigi la kultureblan spacon jam elĉerpiĝis. La defendantoj de tiu teorio ĝenerale pensas nur je tritiko. Ili tute malatentas la fakton ke oli ol 4/5 de la homaro sin nutras de tute aliaj produktoj. Precize antaŭ 30 jaroj, prezidanto de la *British Association*, la plej distinginda scienca instituto brita, deklaris, ke ne plu estas tereno por produktado de tritiko. Dum la sekvintaj dek jaroj tritiko estis kulturita sur proksimume 50 milionoj da akroj da nova tero kaj dum tiu-ĉi tempo la pliampleksigo de tritikoproduktado progresis. Malgraŭ tio ripete aperas la sama aserto, jam neĝusta antaŭ tridek jaroj.

La plej gravaj landoj produktantaj tritikon estas nuntempe, laŭ ordo de la amplekso de l'kulturita tereno: Ruslando, Usono, Hindujo, Kanado, Argentino, Hispanujo, Italujo kaj Aŭstralio. Ses el ili eksportas parton de la rikolto. De tiu eksporto dependas tiuj landoj, kiuj ne sufiĉe produktas por kovri la propran bezonon per enlanda produktado. La vico estas alia laŭ la graveco de la eksporto. Unualoke troviĝas Kanado, sekvas Usono, Argentino, Aŭstralio, Ruslando kaj Hindujo. Kiom ĉiu lando povas eksporti el sia rikolto, dependas nature de la bezono de l'propra loĝantaro. Kanado ekzemple havas malpli ol la duonon de la amplekso de kulturita tritika tereno. Ĝi eksportas preskaŭ la duoblon kiel Usono.

Neniu el la landoj eksportantaj tritikon kulturigis tutan disponeblan terenon per ĝi. La progreso kiun havis Kanado en

tiu kulturado atingis tamen nur parton de ĝia vasta teritorio. Se oni malkonsideras la regionojn nordorientajn kaj Jukon'on, ĉar ili ne estas kultureblaj per tritiko, tiam la tuta spaco de la dominio estas 1.400 milionoj da akroj, el kiuj nuntempe estas loĝataj nur 10 %. Nur 4 % estas kulturataj per tritiko. Oni taksas ke ĉirkaŭ 440 milionoj akroj estas uzeblaj por la tritiko kaj laŭ prudenta takso oni povus kulturi ĉiujare unu kvaronon de tiu teritorio por tritiko. Tio estus kvarobligo de la nuntempa produktado de Kanado. Profesoro Russel Smith de la Colombia Universitato deklaris, ke la tritika zono en la Unuiĝintaj ŝtatoj en la okcidento etendiĝas seninterrompe. Tiu-ĉi aserto estas rezultato de ampleksaj eksperimentoj. La usona scienculo estas konvinkita, ke la produktado de tritiko en Usono kaj Kanado povus atingi baldaŭ unu miliardon da buŝeloj pojare. La sama fakulo deklaras ke la tritika regiono de Siberio estas nenio alia ol geografia similulo de Norda Ameriko, longa zono etendiĝanta en la samaj meridianoj kiel Kanado sub la norda arbara zono kie la malvarmo fiksas naturan limon por la tritiko. Kaj la suda zono seka kie la senakveco limigas la terenon.

La aŭstralia kontinento estas proksimume tiom granda kiel Usono. Tie malpli ol dek procentoj de la surfaco estas ekspluatita. La du restantaj eksportlandoj, Argentino kaj Hindujo disponas ja pri malpli da neekspluatita tereno, kvankam en Suda Ameriko, ekster Argentino ekzistas ankoraŭ ampleksaj nekulturitaj regionoj sur kiuj supozeble tritiko estas plantebla. En Ĉilo nur 8 % de la surfaco estas uzata por agrikulturo.

La personoj asertantaj, ke la produktado de tritiko ne povos konsiderinde pligrandiĝi kontraŭ la nuna stato, nature ne neas la ekziston de vastaj regionoj ankoraŭ kulturotaj. Sed ili asertas, ke fizikaj kaj ekonomiaj malhelpaĵoj malebligus ilian ekspluatadon. La plej grava malhelpo konsiderata, estas la manko de akvo. Pli ol la duono de Aŭstralio, grandegaj regionoj de Usono kaj ankoraŭ pli vastaj en Afriko estas entute sekaj. Ili estas ekspluateblaj nur per arta akvumado. Tia entrepreno ankoraŭ estas tro elspeziga, laŭ la stato de la nuna ekonomio, sed ne estas ekster ebleco, ke la homa spirito certe trovos solvon tuj kiam la kostoj ne ludos rolon. Se iun tagon serioze minacus tutmonda malsato, tiam la homaro riskus ĉion por eluzi ĉiujn ekzistantajn rimedojn de la naturo.

Plia ebleco estas kutime malatentata. La plej fruktoriĉa parto de la tera surfaco troviĝas en la tropikoj. La krea forto de la naturo estas tie tiom alta, kaj la pliproduktado de la naturo estas unu el la kialoj ke vastaj teritorioj ne estas nuntempe racie eluzataj. Tiuj regionoj estas nuntempe tute ne loĝataj kaj ekonomie ne valorigataj, ĉefe pro tio ke ili estas malsanigaj. Malario, dormomalsano, flava febro kaj tifo estas la minacantaj gardistoj, malpermesantaj al la homo la eniron en tiuj paradizoj. Sed kontraŭ tiuj malamikoj la ekonomio komencis sukcesan bataladon. Neniu dubas serioze, ke la homaro sukcesos estri ankaŭ tiujn malhelpojn. Aliflanke ekzistas ankoraŭ fizikaj malhelpaĵoj. Sed ankaŭ ili estus venkeblaj, se nur vera manko puŝas la homaron serĉi rimedon. Eĉ la milito ne kaŭzis veran limigon de la nutraĵoj: kontraŭe ĝi devigis ekspluati neeluzitajn fontojn de nutrado. Tiom, kiom rajtas kalkuli la homoj je la estonteco, li rajtas ankaŭ kalkuli, ke ĉe sufiĉa laborebleco troviĝas ankaŭ la sufiĉa nutrado. La ĝisnuna evoluo konfirmis tiun konstaton ĉiurilate kaj oni rajtas ĝin ripeti hodiaŭ kun ankoraŭ pli granda fido kaj certeco.

(*Trad. Agricola.*)



# Mondurboj

De D-ro H. HÖVER.

La signifo de « metropolo » fiksiĝas precipe laŭ geopolitika vidpunkto. La supermetita planeda senco de la metropolo estas ligata al la premiso de vastaj horizontoj de oceanoj kaj kontinentoj.

Laŭ tio amasiĝas ĉe la Atlanta frunto de la Nova Mondo sur Insulo Manhattan, la ĉielgratantoj de New York. Monda urbo unuaranga, monda haveno kaj monda stacidomo de la giganta kontinenta spaco de l'U.S.A., nodo de kuniĝo kaj radiiĝo de ĉiuj konataj transatlantikaj ŝiplinioj kaj fervojlinioj pacifikaj. La vizaĝon de Novjorko fiksas la vivoforto de senfina, ne superrigardebla mekanismo popolara. La nura multkoloreco, la absoluta variado, kalejdoskopeco kaj kinematografa simileco formas ĝian fizionomion. Nenio ripozanta, fiksita, nur eterne ŝanĝanta, dinamе ŝvebanta karakterizas ĝin en la fluo. Interne de la kosmopoliteco malaperas la efektiva loĝanto, la civitano laboranta.

Nur unusola urbo de la antikva mondo proksimiĝis al la metropola karaktero de Novjorko: la antikva Bizantio ĉe la limo inter Eŭropo kaj Azio. Tie ja prezentiĝis kapo de Januso duvizaĝa. Popolara formikejo el la vastegaj spacoj de Azio kaj el la limigitaj sed intensigitaj regionoj de Eŭropo. Ne tre mareca, tamen konsiderebla kiel tutmonda haveno. Sed ĉefe dukontinenta ligilo. Metropolo laŭ la potenco kaj la tuteco, fondita nature kaj geografie kontraŭ la politika graveco de la imperia Romo.

La metropola karaktero de Romo venis nur en dua vico. Unue cezara centro administra kaj militista, due kristana misia centro. La monda famo identiĝis kun la apostola ideo.

Antaŭ Bizantio plenumis Babilono la sencon de la metropoleco en plej alta grado. Situita ĉe rivero ŝipirebla, sed tamen en unua linio nodo de unuiĝo kaj de disradiado de la karavanvojoj tra Azio ĝis Mongolio. Superis la malaltan domaron la unua giganta ĉielgratanto de la homaro, kiu atingis biblian famon.

La orientanoj ĉiam montris talenton por la potence esprimita metropoleco, ĉar ĉiam troviĝis la rilato al la giganta planeda spaco. La metropolo de l'proksima aŭ de la ekstrema oriento estis aŭ pure tera aŭ ĝi estis samtempe ankaŭ mara. Babilonon sekvis Asur, Susa, Persepolis. Persaj aĥemenidoj kaj sasanidoj daŭrigis la rilaton kun la ĉina oriento samtempe kun la Eŭropa okcidento, al Hellas kiel al Romo. Monda haveno kaj Monda centro de la intelekto fariĝis Alexandria, konsekvence jam ĉe la sama loko preskaŭ, kie troviĝas hodiaŭ Port Said. Al la ĉefstratoj de la monda trafiko aliĝas devige kaj laŭ natura leĝo la kosmopolitaj kolonioj popolaj.

Pure teran gravecon havas la popolcentro en la ekstrema oriento, Pekino. Karavan-vojoj peradas eternan alfluon kaj defluon de variaj popoloj de l'ekstrema siberia nordo, kiel de la hinda sudo kaj de la turk-araba okcidento. Ĉio estas multkolora, ĉio miksita. Oni marĉandas kaj komercas. Vere la imperiestra armea tendaro formas la mezon, sed pli grava estas la komercado, kiu transiras dezertojn kaj montarojn. Preskaŭ aperas la suvereneco, kiel profitanto de la superordita geopolitika funkcio de l' panazia agado kaj volo.

Se oni aljuĝas karakteron metropolan al la antikva grandioza Moskvo, tiam ankaŭ nur pro ĝia geopolitika tereca signifo.

Venecio transprenis iam de Bizantio la taskon de surmara peranto inter oriento kaj okcidento. La multkoloreco de la Adria Metropolo eniris la okulojn benitajn, kiuj transformis ĝin en majstroverkojn de arto.

Ĉe la griza Norda Maro inter grasaj marĉkampoj elkreskis la nova ĉefloko de la mara komerco kun Azio. Amsterdam ne est.s malpli metropolo kaj monda haveno ol Venecio antaŭe. La okulo de Rembrandt vidis ĉe la kajo la miraklojn de nova kaj antikva mondoj.

Amsterdam cedis sian rolon al Rotterdam. La Nieuwe Waterweg (Nova Akvovojo) signifas pli multe hodiaŭ ol iam la Zuidermaro kaj la Amsterdama kanalo. Inter Rotterdam kaj Ruhrort kun Duisburg, la industriaj centroj germanaj, estas sama geopolitika rilato kiel inter Berlin al Hamburgo aŭ laŭ pli giganta skalo — Chicago al Novjorko.

Estas nur kelkaj jardekoj de tempo kiam oni povis dubi pri la urbo al kiu apartenas la estonteco en la koro de la Nordamerika Unio: St. Louis ĉe la kunfluo de Missouri kaj de Mississipi, aŭ Chicago ĉe la Lago M.chigan. La kontinueco de la grandega lagaro estis pli forta laŭ geopolitika vidpunkto ol la rivera sistemo. La direkto Oriento-Okcidento venk.s, la Nord-Suda d.rekto de la riveroj malvenkis. Chicago triumfis super St. Louis.

Ankaŭ la ĉeflinio de la Pacifika fervojo de U.S.A. ne pasas plu tra St. Louis sed tra Ch.cago kaj daŭrigas, ne al San Francisko, sed laŭlonge de kanada landlimo al Tacoma kaj Seattle en la ŝtato Washington. Seattle estos iam la nova metropolo ĉe la Pacifika marbordo. Tie estos la nova transŝarĝa centro por la azia trafiko de Usono. Denove aperos oceana spaco el plej giganta mezuro. Klarvidaj amerikanoj konscias, ke ĉiuj atlantaj kaj eŭropaj problemoj estas bagatelaĵoj, kompare al fariĝontaj pacifikaj problemoj. Ja frue finiĝis la kanalo de Panamo, la nova Suez, kaj la dua kanalo tra la Istmo de Nikaragvo — sen kluzoj — ne longe atendiĝos.

Konate estas, ke la preskaŭ metafizika sekreto de la brita imperialismo troviĝas en la obeo al geopolitikaj maksimoj. « Mediti laŭ kontinentoj » estis la kvintesenco en tempo, kiam la eŭropaj regnoj elĉerpiĝis en etaj dinastaj batalaĉoj. Napoleono celis geopolitikan agadon. Tamen lia subjektiva cezara romantikeco malsukcesis kontraŭ la kolektiveco de la geopolitika instinkto de la anglosaksoj.

Londono vivas kaj agas meze de reto de planedaj l.giloj. Plej granda komerca saĝeco venkis la naturan kondiĉon de metropola loĝloko. La tekniko multe helpis. Kolonioj kaj hejmlando estas unuopiniaj pri la komuna ĉefurbo ĉe la Tamizo.

De la anglosaksa mondo en ĝia tuteco profitas Parizo. La kvintesenco de la metropoleco transiris de la ekonomi-materialista en la estetik-belforma konsidero. Kiel krea rezultato de la nura civiliza spirito, Parizo okupas la unuan lokon inter la metropoloj. Tie estis trovita la plej matura formo de la urba ark.tekturo metropola. Tio restas unu el la meritoj de la absolutismo kaj de la sekvantaj epokoj ĝis la dua imperio.

Al unu Novjorko korespondas jen trans la Atlantiko Londono kaj Parizo. La kosmopolitano iras al la Tamiso kaj al la Seine. De tie per la grandaj ekspreslinioj al Svislando kaj al la sudo. Germanujo restas flanke. Ĝiaj urboj ne estas metropoloj de unua rango laŭ geopol.tika vidpunkto. Mankas la senpera rilato, la superdimensia planeda spaco. Ŝipoj de Hamburgo plenigas kutime nur en Rotterdam kaj en Antwerpen la vastan ventron per varoj. Nur de Southampton, Boulogne-sur-Mer kaj Cherbourg la disponeblaj kajutoj estas plene luitaj.

El « Neue Zürcher Zeitung ». Trad. H. J.



 **NOTOJ** 

*La sveda gazetaro.* — Laŭ lasta statistiko, abono al ĉiuj svedaj gazetoj kaj revuoj kostus jare 10.000 svedajn kronojn, proksimume 14.000 svisajn frankojn. Oni ricevus kune 5.000 kilogramojn da papero. Ekzistas 563 gazetoj el kiuj 136 aperas ĉiutage kaj 219 semajne. La nombro de la revuoj estas 941, el k.uj 429 aperas monate unu aŭ dufoje. La plej « peza » gazeto estas la konservativa « Svenska Dagbladet » en Stokholmo, kiu liveras al siaj abonantoj jare 60,4 kilogramojn da presita papero. Sekvas la liberala « Dagens Nyheter » kun 56,6 kilogramojn kaj la liberalaj « Stockholms Tidningen » kun 49,7 kg. La unuopa abonprezo de tiuj gazetoj estas jare inter 32 ĝis 36 kronoj svedaj. La plej malnova sveda gazeto estas la of.ciala komunikilo « Post- ok Inrikes Tidningar » komencinta en jaro 1645. Sekvas la « Karlskrona Tidningen » el jaro 1753, la « Norrkoepings Tidningar » de 1758, la « Nya Dagligt Allehanda » de 1768, « Falu Laens Tidnung » de 1789, « Nia Vexioe Bladet » de 1809 kaj « Stockholms Dagblad » de 1823.

*Itala enciklopedio.* — La unua volumo de la « Enciclopedia Italiana » aperos en 1929 dum monato marto. Ĝi similas laŭ amplekso al la granda brita « Enciclopedia Britannica ». La formato estas grandkvarto; 36 volumoj kiuj enfermas 36.000 dukolonajn paĝojn. La redaktadon d.rektas eksministro Gentile kaj la verko aperas ĉe instituto Giovanni Trecani.

*Hispanaj antaŭnomoj.* — La hispanoj havas ofte antaŭnomojn kiuj sonas strange eĉ por enlandano. Tio devenas, ke al infanoj oni ŝatas doni la nomon de la sanktulo festata de la eklez.o je la tago de la naskiĝo. Ekzemple: Epicteto, Nicanor, Gumersindo, Timoteo, Policarpo, Crisostomo, Escolastica, Simplicio, Meliton, Cleto, Athon kaj similaj, kiuj en la nuntempo ne plu estas uzataj. La nomoj de b.bliaj personoj estas ŝatataj kaj ankoraŭ ofte oni renkontas nomojn kiel Samuelo, Jakobo, Salomono, Eliaso, Melkiado, Davido, Danielo k.t.p. La sama estas por la nomo Jezuo, kiu en aliaj katolikaj landoj ne estas uzata, verŝajne pro pieco. Ekzistas eĉ vir.na formo de tiu-ĉi nomo « Jesusa ». Sed plej strange estas la nomoj kiel « Purificacion », « Encarnacion », « Concepcion » kaj eĉ « Circuncision ». La personoj kiuj portas tiujn nomojn do nask.ĝis je la tago samnoma. Pliaj strangaj nomoj estas « Africa », « America », « Asia », dume la nomo « Australia » ne ekzistas. Dolores, Pilar, Carmen (Doloroj, Pilo, Florĝardeno). Tiuj nomoj respondas al la festoj de Nia Kara Sinjorino de Africa, America k.t.p. La nomo « Nieves » neĝo, ankaŭ uziĝas. Multaj el tiuj nomoj havas mallongigôjn tre bonsonajn kiel ekzemple: Concha (el Conception) Lola (el Dolores) Pura (el Puruficacion). La plej mallonga virina nomo estas O. Tio estas la tago de Anunciacio de Sankta Mario kiam ŝi timigite pro ĝojo, eldiris nur vorteton « O ». La klasikaj nomoj el la ant.kva tempo tiom ŝatataj en Italujo ne ekzistas en Hispanujo se ili ne estas samtempe en la kalendaro de la katolika eklezio. La baptonomo ĉiam estas antaŭmetita; ĝin oni konsideras kiel ĉefan nomon; Alparoli iun, kiun oni konas per la fam.lia nomo signifas, ke oni volas apartiĝi kaj indikas formalecon, malvarmon, indiferentecon aŭ serenecon. Ĉefo vokas subulon per la familia nomo. Servistoj, kelneroj estas alparolataj per la baptonomo. Distingindaj personoj estas alparolataj per « Don » kio respondas al la antikva « Dominus ». Kiel la angla « Sir » la hispana « Don » estas uzata nur kun la antaŭnomo, ne kun la familia nomo. Oni antaŭmetas la t.tolon Senor. Senor kun la baptonomo servas por la subaj klasoj. (Senor Juan, Senor Nicolas).

## LITERATURO

# Metamorfozo de Fraŭlino Degel

DE JULIO BAGHY.

### I.

La rapidvagonaro vetkuris kun la proksimiĝanta mateno. Ĉe la fenestro de iu triaklasa kupeo sidis fraŭlino Degel kaj revadis... La forpaso de ĉiu horo portis ŝin pliproksimen al tiu urbo, kien ŝia vigla fantazio ofte flugigis ŝin dum la lastaj monatoj. Ankoraŭ kelkhora vojaĝo kaj ŝi renkontos *lin* la unuan fojon por persone konatiĝi kaj — se Dio volas tiel kiel ŝi — neniam disiĝi de li.

La radoj ritme muzikis unutonan marŝmarŝon. Aŭdace skizitaj allogaj bildoj pri la estonteco aperis antaŭ ŝi. La ronkotrilado de viro, kuŝanta sur la kontraŭa benko, ne malhelpis ŝin en la revoteksado. Eĉ kontraŭe! « Kiel dolĉe li ronkadas! » — ŝi pensis kaj antaŭ ŝi jam fariĝis vivanta la imagita foto pri ŝia *Li*, kiu tre verŝajne simile ronketadas en iu triaklasa kupeo de alia rapidvagonaro, kuranta al la sama urbo. Ankaŭ li, la kara, havas tiel malmolan benkon kaj ŝi volonte prezentus sian sinon dumvojaĝa kuseno por li. Nu, se ĉio sukcesos laŭ ŝiaj planoj, tiam dum la revojaĝo li havos tiun molan kusenon. Tiu ĉi penso longe karesis la koron de fraŭlino Degel.

La unuaj radioj de la leviĝanta suno ektiklis la palpebrojn de la dormantaj pasaĝeroj. La vekigo rememorigis pri la matena simfonio de paŝtola brutaro. La kunvokantajn kornosonojn superbone anstataŭis la fervora naztrumpetado de grasa sinjoro, kiu plenpulme blovis la veksignalon. La diverstona oscedado surprize imitis la blekadon de la brutaro. Nemirinde do, ke fraŭlino Degel forpelite el la lando de la fantazio dediĉis sin al la realeco: *al la matena tualetado*. Sentante la rigardon de la viroj ŝia sintenado ekprenis pli konscian aspekton. Kvankam la indiferentaj, duondormaj mienoj de la viroj perfidis nenian interesiĝon pri ŝia persono, tamen fraŭlino Degel pretendis al si atenton... kaj rajte.

Ŝiaj laŭmode tonditaj haroj brilis en rustoruĝo, kiel antikva oraĵo tuŝata de subita lumo. Ŝiaj vangoj havis rozoruĝon kiel la simbola floro de la Amo dum maja mateno kaj ŝiaj lipoj proponis enviidan ĉerizruĝon al la vira kisemo. En ŝia rigardo koketis petola falseco. Tute prave oni nomis ŝin Ruĝulinet'. Sed tiuj ĉi nuance diferencaj ruĝoj — dank' al la modernismo — estis falsaj. La rustoruĝon al la haroj liveris lerta manipulado de frizistino, la rozo — kaj ĉerizruĝojn ŝi mem sorĉis al siaj vangoj kaj lipoj. Por troviĝi ĝis kolo en la maldiskretaĵoj mi povas suflori, ke ankaŭ ŝia nomo Ruĝulinet' estis ja pruntita de la fabellanda Ruĝulineto de Grimm. Ŝia vera baptonomo estis Ludmilla, ne tre laŭmoda en ŝia patrujo. Kaj fine por definitive seniluziiĝi pri ŝi ni devas scii, ke eĉ la petola falseco de ŝia rigardo mensogis, ĉar en ŝia korfundo modestadis sola deziro: « edziniĝi kun iu ajn honesta viro kaj dividi liajn ĉiutagajn zorgojn por ricevi rekompence konsolan komprenon, koran varmon. »

Sed kial do tiom da falseco? Kial kaŝi sub masko de demono la purecon de la koro? Kial ne iri sur la vojo de la sincereco? Ŝi mem ofte meditis pri tio ĉi, sed reveni al la vojo de la sincereco oni bezonas kuraĝon kaj fraŭlino Degel perdis ĝin dum la forpaso de la juneco. Ŝi vidis jam dudekok printempojn kaj ĉiujare kun malpli da espero ŝi atendis je la alveno de la sopirata kavaliro. Iom post iom ŝi fariĝis sklavino de la modo. Ĉiu jaro mallongigis ŝiajn harojn kaj jupon je du centimetroj por konservi almenaŭ la *ŝajnon*. Antaŭ dekdu jaroj, kiam brunhara junulo forrabis la ĉastecon de ŝiaj lipoj sub la tilio, ombrumanta la familian domon, ŝi estis ankoraŭ freŝvanga, noktokula, nigrohara knabineto. La junulo nomis ŝin « anĝelo, Milla mia! » kaj tiam ankoraŭ ŝi kredis la sincerecon de la viraj korbatoj kaj ne havis dubon pri la sorĉoforto de tiu tilio, sub kiu kvazaŭ tradicie ĉiu virina membro de la familio Degel ektrovis sian fianĉinan ringeton. Nu, la ringeton ankaŭ ŝi ektrovis, sed la milito forrabis de ŝi la donacinton. Li ne mortis heroe sur la batalkampo. Ho tute ne! Li servis kiel kuiristo ĉe la regimento... kaj tamen, ie, en malproksima suda lando alia knabino katenis lin al si per du ĉirkaŭprenantaj brakoj. De tiam la katenantaj brakoj plimultiĝis: li havas grandan familion. Sole ŝia fianĉina ringeto, konservata en fundo de juvelkesteto, fabelas pri li, pri la brunhara junulo, iam ĵuranta ĝistomban fidelecon. La jaroj de la vana atendado maturigis pardonon en ŝia koro kaj velkigis la freŝecon de ŝia beleco. La sinsekvajn fianĉokandidatojn — ĉar ĉiu junulo proksimiĝanta al ŝi estis ja kandidato — ŝiaj plej intimaj amikinoj forlogis de ŝi kaj por fine kateni unu el la estontaj ŝi prenis la armilojn de la kosmetiko. Tiel fariĝis fraŭlino Degel demonaspekta pupo kun modesta deziro en la koro. Ho, kiel ŝi abomenis sin en tiu ĉi rolo! Ĉiam ridi, petoli, koketi, perforti spritaĵojn, komplimenti, salti, dancadi por plaĉi al la viroj. En la horoj de la soleco ŝi nomis sin arlekeno de la vivo kaj tiam ŝi arde ploris pro la sencela estonteco.

Antaŭ unu jaro la hazardo donis novan nutron al ŝia konsumiĝanta espero. Ŝi renkontis amikinon, jam delonge nevidita. Ili kune pasigis la tutan posttagmezon kaj ŝi sciiĝis pri baldaŭa edziniĝo de ŝia amikino kun ĉefurba junulo. La esperantolingva korespondado kreis inter ili intiman amikecon, vekis amon kaj jen alportis la komunan feliĉon. Fraŭlino Degel tuj decidis kaj adiaŭinte ŝi aĉetis la « Fundamenton de Esperanto » por prepari la fundamenton de la edziniĝo. Ŝi lernis pli ol diligente; ŝi lernis furioze. Post kelkaj semajnoj aĉetinte numeron de « Heroldo de Esperanto » ŝi metis kun fermitaj okuloj sian fingron sur la liston de la korespondantoj. La fermitaj okuloj atestis pri ŝia superstiĉa submetiĝo al la sorto. Verŝajne la sorto havis bonhumoron kaj flatate de ŝia humila modesteco ĝi donis al ŝi la adreson de Miĥaelo Mihok, tajlorhelpanto kaj prezidantkandidato de la fondota In-Tu-Es-As-Ta-He (Internacia Tutmonda Esperanta Asocio de Tajlorhelpantoj) Talpolago, Hungarujo. Menciinde, ke fraŭlino Degel per la supre priskribita manovrado ankoraŭ dufoje provis devigi la sorton je donaco de pli kavalirprofesia korespondonto, sed vane. La kaprico de la sorto gvidis ŝian fingron ĉiam al la nomo: Miĥaelo Mihok... Miĥaelo Mihok.

La korespondado komenciĝis. Por ilustri la kreskon de la intimeco sufiĉas citi la alparolojn el la leteroj de Mihok: « Altestimata fraŭlina Moŝto Ludmilla Degel!; Altŝatata samideanino Ludmilla!; Tre kara fraŭlino Milla!; Karega Milla mia! » Nur la subskribo kun la kutimaj subtitoloj restis senŝanĝa por konservi la aŭtoritatecan dignon. La koro de Mihok ardis en la *universala* amo. Antaŭ tri monatoj li informis sian Milla pri nova situacio. Li ne estas plu tajlorhelpanto, sed memstara majstro, posedanta propran metiejon kun du helpantoj. En tiu ĉi letero li aludis delikate sed ne miskom-

preneble pri « eventuala ĝistomba rilato », en kiu la « veluraj manetoj » de Milla havus la « sceptron de la mastrumado », ĉar « konservi la tutmondan pacon estas la plej efika rimedo, se oni kunligas la simpatiantajn *gespiritojn*, apartenantajn al diversaj nacioj, por krei la novan generacion de la Supernacio » kaj li tuj proponis al Milla akcepti la prezidantinan postenon en U.F.A. (Ne la Berlin-a filmo akcia societo, sed Universala Familia Asocio!) fondota post ilia unuiĝo kaj fine por iomete fanfaroni pri sia progreso li aldonis novan epiteton al la aliaj: « *korespondanto* de unu *Akademiano* ».

Kaj la koro de fraŭlino Degel? Pro la fajra elokventeco de Mihok ĝi tute degelis. En tiu ĉi korespondado ŝi retrovis sin kaj kun plena sincereco ĉiusemajne, poste ĉiutage ŝi enpoŝtkestigis siajn pensojn, sentojn kaj sopirojn por sia « Nobela Miĉjo! » Verŝajne ŝi volis uzi la vorton « nobla », sed iom post iom la vanta silentado de Mihok sankciis la strangan alparolon. Memkompreneble sen protesto ŝi akceptis la proponon esti « prezidantino de U.F.A. » kaj teni la sceptron en siaj « veluraj manetoj ». Tutkore ŝi sopiris persone konatiĝi kun sia kavaliro, sed la romantikeco de Mihok ne permesis eĉ interŝanĝon de simplaj fotoj. Li skribis: « Ni renkontos nin en la kongresurbo, kie entuziasme batos la koro de la tuta mondo idealista, sed ho Milla mia, la laŭta tamburado de nia amo en la koro superos ĝin kaj ĝustatempe signalos: atentu, ĉar via Ĉio proksimiĝas! Ĝis tiam ŝparu por la vojaĝelspezoj! » Kaj fraŭlino Degel avare metis groŝon al groŝo. Tamen laŭŝajne Mihok perdis la nepran fidon al la amotamburisto, ĉar al sia lasta letero li almetis la jenan postskripton: « Mi estas 172 centimetrojn alta. Koloro de la haroj estas bruna. Koloro de la okuloj estas nigra kun esprimo vin serĉanta. La nazo estas iom pinta, sed ne tre. Pro higienaj vidpunktoj la lipharoj mankas. Mi havos malhebluajn jakon kaj veŝton kun diskrete striita pantalono kaj flavajn ŝuojn. Se eventuale la pantalono ne estos striita aŭ la koloro de la ŝuoj estos ŝanĝita, tiam telegrafe mi sciigos vin pri tio ».

La vagonaro subite ekhaltis. La viro, kuŝanta sur la benko kontraŭ fraŭlino Degel, salte leviĝis kaj rapide malfermante la fenestron li ŝovis la kapon al la freŝa aero. La vagonaro ekiris kaj li ree okupis sian lokon sur la benko. En tiu momento la okuloj de fraŭlino Degel ekbrilis. Dum la dutaga vojaĝo ŝi vane serĉis *verdan stelon* en la butontruoj kaj jen nun tuta stelaro de ekspozicia materialo brilis al ŝi. Verda stelo en la butontruoj dekstra kaj maldekstra, en la silka kravato, en la manumoj super la sigarpoŝo, eĉ de la horloĝĉeno pendas unu kaj... kaj... nur nun ŝi rimarkis ĉe la taga helo, ke la viro havas malhelbluan jakon kun striita pantalono kaj flavajn ŝuojn. La amotamburisto tuj ekfunkciis freneze en ŝia koro; « jen li... jen li... via nobela Miĉjo! »

Fraŭlino Degel sorĉis mielan rideton al siaj lipoj kaj ŝia rigardo karese glatigis la arlekene hirtigitajn harojn de Mihok, kiu iom stulte palpebrumis al la miraklo de la moderna kosmetiko. Fraŭlino Degel senpacience atendis la vekiĝon de *lia* amotamburisto, sed verŝajne tiu friponeto forgesis pri sia deĵoro kaj ankoraŭ dormis. Estis bezone veki lin kaj kun lerta manmanovrado ŝi ordigis la banton de la bluzo por videbligi sian verdan stelon.

La insigno efikis. La mieno de Mihok tuj rememorigis pri la afabla sereno de la plenluno. Antaŭe li faris preparajn ektusojn por elekti el la plej taŭgaj esprimoj de la « Frazaro » kaj fine ekparolis.

— Ho, se ne erarigas min la agrabla ŝajno, tiam ankaŭ al via altestimata fraŭlina Moŝto plaĉas vojaĝi al nia kongresubo... ĉu ne?

La voĉo de Mihok emociis fraŭlinon Degel. La petola tamburisto saltis de ŝia koro al ŝia gorĝo kaj tie batis la marŝmarŝon. Kvazaŭ perdinte la voĉon ŝi respondis per kapjeso.

— Nia sankta afero bezonas multajn atestantojn por konvinki la tutmondan skeptikecon — daŭrigis Mihok kun granda aplombo kaj finis per komplimento.

— kaj via ĉarmo, estimata fraŭlina samideano, certe elokvente persvados.

— Jes! flustris fraŭlino Degel kaj ŝi ĝojis por la retrovo de sia voĉo.

— Ĉu vi vojaĝas sola?

— Ne! — En la rigardo de la fraŭlino ridetis petolo kaj ŝiaj ĉerizruĝaj kiseme pintiĝis — Jam ne!

— Permesu diveni, estimata samideanino! Vi vojaĝas kun karaj gesamideanoj el via tre honorinda patrujo... ĉu ne?

— Ne! Mi vojaĝas kun vi, kara... kara... — sed subita ideo malhelpis la elparolon de la intima « *nobela Miĉjo mia* » kaj fraŭlino Degel finis la frazon jene — kara nekonata samideano.

Mihok tuj leviĝis, ordigis la harojn kaj ceremonie prezentis sin. Fraŭlino Degel laŭte ekridis kaj anstataŭ nomi ŝin ŝi demandis.

— Kiel? Ĉu vere, vi estas sinjoro Mihok el Talpolago, el Hungarujo? Vere interese! Antaŭ du tagoj mia plej bona amikino parolis pri vi kaj jen... jen hazarda renkonto... Se mi rakontos al *Milla* pri tiu ĉi...

Je la mencio de la nomo Milla la mieno de Mihok fariĝis solene serioza. Konfesinde, ke iom ĝenis lin la mistera ridado de tiu ĉi tro ŝminkita pupo. Lia Milla certe aspektas pli modesta, pli knabineca. Subita penso tremigis lian koron.

— Kaj Milla... fraŭlino Ludmilla Degel ne vojaĝas kun vi?

— Sed jes... ŝi vojaĝas kun mi, sed nun ŝi petolas kun unu tre kara kaj aminda samideano.

La ekscitiĝo preskaŭ paralizis la langon de Mihok kaj liaj okuloj ekbrilis pro vekiĝanta ĵaluzeco.

— Ĉu serioze... ŝi... ŝi ĉi tie... en tiu ĉi vagonaro?... Sed kie... kie?!! Kaj ŝi petolas kun samideano... Vi tiel diris, ĉu ne?

— Jes jes. Ŝi petolas, koketas kaj ridas tutkore pro ama ĝojo, ĉar ne estas sekreto ke ŝi amas tiun samideanon...

— Kiun?! Diru al mi tuj, kiun?!! — kaj lia voĉo fariĝis kria. — Kiu estas tiu fripono, tiu trotuarfloro? Mi ne povas konsideri lin *samideano* kaj se tamen, eĉ tiam... kvankam...

Mihok subite leviĝis kaj ekiris al la pordo por serĉi sian rivalon kaj sian Milla en la ceteraj vagonoj. La situacio tre amuzis fraŭlinon Degel kaj plengorĝe ridante ŝi kaptis lian manon por reteni lin.

— Lasu ŝin amuzi! Lasu ŝin kun ŝia amato! Ne foriru de mi! Restu! Mi ne hontas konfesi, ke vi treege plaĉas al mi...

Subite Mihok retrankviliĝis. Li komencis kompreni la aventuron. Ne vane li legis tiom da romanoj kaj vidis tiom da amerikaj filmoj. Jen unu el tiuj vojaĝantaj demonoj! Certe ŝi estas en malamika interrilato kun lia noblanima Milla, kaj nun ŝi volas praktiki sian arton ĉe li. Provu do! Li estas ja firma en sia amo. Lin plej konsternis la penso, ke ankaŭ inter la samideaninoj troviĝas tiaj demonoj. Estas nepre necese fari proponon al ICK pri « *nigra listo de demonaj samideaninoj* ».

— Nu restu, kara! — muzikis la voĉo de fraŭlino Degel.

— Bone, mi restos momenton por diri mian opinion pri vi al vi, kiu senhonte nomis sin plej bona amikino de fraŭlino Degel. Eksciu do, ke eĉ unu el viaj mensogoj mi ne kredas.

La amikinoj de mia Milla ne povas aspekti tiel kiel vi. Ŝi estas mem la sincereco kaj simpleco. Ŝi havas koran naivecon, puran animon kaj ne kaŝas sian ĉarmon sub pudro, ruĝo kaj diversaj ŝminkaĵoj. Ŝiaj haroj ne servas je reklamo de harfarbo kaj frizisto. La suferoj pro perdo de la unua fianĉo kaj la ĉiutagaj zorgoj hardis ŝian karakteron kaj ŝia knabina honesteco malebligas petoladon, koketadon kun friponaj samideanoj. Kaj se tamen fraŭlino Degel, mia amata fianĉino kaj baldaŭa edzino havas interrilaton kun vi, tio ĉesis en tiu ĉi momento, ĉar mi malpermesos al la tre honorinda estonta prezidantino de a fondota UFA havi kontakton kun tiaj demonoj, kia vi estas, tre al esmitata fraŭlina Moŝto. Adiaŭ!

Finante sian grandan monologon kun heroa gesto kiel en la klasikaj dramoj Mihok ekkaptis sian valizon kaj forlasis la kupeon por serĉi sian Milla en aliaj kupeoj.

En la unuaj momentoj fraŭlino Degel mem ne konsciis pri la okazintaĵo. Kvazaŭ fulmofrapite ŝi sidis kaj sentis, ke iu rulis pezan ŝtonon al ŝia koro. Ĉio estas do finita. La sopirata feliĉo forflugis de ŝi kaj rekapti ĝin jam neeble. Kiam la dolora spasmo iom mildiĝis ŝi laŭte ekploris. La salaj gutoj faris longajn striojn sur ŝiaj vangoj kaj forlavis la pudron kaj ŝminkon.

— Mia nobla Miĉjo... mia kara... karega... neniam plu... mi ĵuras, ke neniam plu... — ŝi ripetis longe... longe.

La scivolo de la pasaĝeroj direktiĝis al ŝi kaj la grasa sinjoro kun komprena rideto flustris al sia najbaro: « Certe ili estas geamantoj kaj nun ili faris ĉefprovon de la edzecaj skandaloj. »

Ĉe la unua granda stacio fraŭlino Degel forlasis la vagonaron, kiu portante kun si la amatan Miĉjon daŭrigis sian kuregon al la kongresurbo.

II.

Alveno: « Ĉu fraŭlino Degel jam bonvolis alveni? Ne! » ...Oficialaj formalaĵoj kaj rekuro al la stacidomo por atendi ĉiun vagonaron: « Ĉu fraŭlino Degel vojaĝis kun vi, altestimataj gekongresanoj? Ne! » ...Interkonatiĝa vespero: « Ĉu vi bonvolas esti fraŭlino Degel? Ne! » ...Sendorma nokto. Zigzagaj pensoj pri terura kolizio, inundo, apopleksio kaj ama aventuro. Pro la ungogratado de la ĵaluzeco la koro de Mihok aspektis kiel lia striita pantalono, zorge gladata sub la kusenoj de la hotela lito, kiun en sia ama funebro li prezentis al si mortolito, ĉirkaŭstarata de la gekongresanoj, inter kiuj staros ankaŭ ŝi, la malfrue alveninta Milla, kun ĝistomba akuzo en la koro... Matene kuro al la informejo: « Ĉu...? Ne! »

La ĉiama « ne » kostis energion, humoron kaj ĉiuhoran purigadon de la flavaj ŝuoj, brilantaj jam kiel emajlitaj citronoj. Poste ĉagreno pro konstato, ke preskaŭ ĉiu dua samideano estas 172 centimetrojn alta, portanta malhelbluan jakon, diskrete striitan pantalonon kaj flavajn ŝuojn. En tiu tago li forĵetis sian dorlotatan ideon pri la uniformoj de la estimata *geesperantistaroj*.

Tute malesperigite li iris al la Solena Malfermo. La orgeno muĝis kaj la lipoj disiĝis je kantado... « En la mondon venis nova sento... » En tiu momento Mihok sentis delikatan manpremon. Li turnis sin kaj jen antaŭ li staris milde ridetanta vizaĝo de nekonata knabino, flustranta la plej sopiratan alparolon: « *Nobla Miĉjo mia!* »

La dormanta tamburisto vekiĝis en Mihok kaj preskaŭ dismarteladis lian koron, kiam li ekvidis antaŭ si nigroharan anĝelmienan aperaĵon. La pluaj vortoj de la himno postrestis en lia gorĝo kaj ravite li rigardis la puran altan frunton, kiun ne kaŝis laŭmoda frizaĵo, la senpudrajn palajn vangojn, la belformajn naturkolorajn lipojn kaj ...kaj la elegante simpla kostumo kiel konvenis al tiu ĉi nepriskribebla ĉarmo!

— Ĉu vi...? — balbutis Mihok

— Jes, mi — respondis mallaŭte, iom tremante fraŭlino Degel pro timo de la eventuala rekono sed pensante pri nenio. Mihok profundiĝis en la sindona rigardo de tiuj noktokuloj, kiuj rebrilis por li la tutan stelaron kun la anĝeloj de la ĉielo. Subite li rekonsciiĝis kaj forte premante al si la « velurajn manetojn » plenpulme kiel la leono en la dezerto li daŭrigis la kantadon kun entuziasma fervoro: « Ne al glavo sangon soifanta... »

# Mezaĝaj portretoj

El la prologo de « Rakontoj el Canterbury » de Geoffrey Chaucer (1340-1400) iama poeto kaj humoristo de katolika Anglujo dum la mezaĝo, Chaucer servis unue kiel paĝio la kortumon de la reĝo Eduardo III, poste altiĝis al financinspektoreco. Kiam la reĝo sendis lin komisie al Italujo, li vizitis tie (laŭ la legendo) la maljunan poeton Petrarko. La ĉi-suba traduko konservas la nombron kaj la ritmon de la malnovanglaj versoj en tiuj pentrajoj pri la tiamaj moroj.

---

**LA MONAĤEJESTRINO**

*Ĉeestis ankaŭ monaĥinestrino*
*Afabla per rideto kaj modesta.*
*« Per Sankta Loj! Jen ŝia plejterura*
*Ĵuraĵo. Sinjorino Eglantino*
*Nomiĝis kaj bonege la diservon*
*Ŝi kantis tra la nazo melodie,*
*Scipovis eĉ paroli france flue*
*Laŭ manier' el Stratford apud Baŭe*
*Ĉar francan el Parizo ŝi ne konis.*
*Ĉe manĝoj ŝi sin montris edukita:*
*Nek pecojn el la buŝo disfaligis*
*Nek fingrojn en la saŭco malsekigis,*
*Scipovis preni pecon kaj singardi*
*Ke eĉ ne falu guto sur la bruston*
*Ĉar ĝentileco estis ŝia gusto,*
*La lipon viŝis ĉiam tiel pure*
*Ke en pokal' neniu signo restis*
*De gras' post kiam ŝi eltrinkis vice.*
*Gracie ŝi alprenis la manĝaĵojn.*
*Ŝi estis certe gaja ĉe la tablo,*
*Afabla kaj aminda je sinteno.*
*Ŝi penis imitadi la kortumajn*
*Kutimojn per plej dignaj manieroj*
*Kaj esti ĉiel inda je respekto.*
*Pri ŝia konscienco ni parolu:*
*Ŝi estis tiel kore kompatema,*
*Ke ŝi ekploris, se ŝi vidis muson*
*Kaptitan, ĉu mortintan, ĉu sangantan.*
*Hundetojn havis ŝi kaj nutris ilin*
*Per rostviando, lakto, blanka pano*
*Kaj ploris pro ĉagren' se unu mortis*
*Aŭ viroj vundis unu per glavpiko.*
*Jen ŝia konscienco kaj bonkoro!*
*Tre ĉarme pendis ŝia brustotuko.*
*Kun nazo rekta kaj okuloj grizaj,*
*Kun tre malgranda buŝo, mola, ruĝa,*
*Ŝi certe havis belan frunton larĝan*
*Je preskaŭ unu mano, mi supozas.*

*Ŝi estis vere tute ne malalta.*
*Tre festa ŝajnis al mi ŝia vesto:*
*Ŝi portis koraletojn ĉirkaŭ brako*
*Kun intervicoj de perleroj verdaj*
*Kaj ora broĉo tie pendis brile*
*Kun gravurita A kaj superkrono*
*Kaj poste skribo: « Amor vincit omnia ».*

LA KLERULO

*Kunestis eĉ klerul' el Oksenfordo*
*Jam longe al logiko sindoninta.*
*Malgrasan havis li ĉevalon kiel*
*Rastilo kaj li mem ne estis dika,*
*Sed ŝajnis kava kaj malsata plie,*
*Kun supervesto kvazaŭ senfadena.*
*Neniun mongajnilon li jam trovis:*
*Tro malmondana por oficon preni.*
*Pli plaĉis al li kiel kapkuseno*
*En lito dudek libroj ruĝ' aŭ nigre*
*Binditaj pri Aristotela penso*
*Ol roboj riĉaj, violon' aŭ psalmoj.*

El malnov' angla trad. Edm. PRIVAT.

# Tra la Libraro

**Literaturo. — Scienco. — Religio. — Socialj movadoj. — Lernolibroj. — Propagandilo. — Diversaĵoj.**

Se ne pure beletristikaj, tamen kun certa literatura valoro, estas la sekvantaj novaj libroj.

Sub titolo *Hector Hodler, lia vivo kaj lia verko,* UEA publikigas, okaze de l'dudeka datreveno de sia naskiĝo, la biografion de sia fondinto kaj elekton el liaj ĵurnalartikoloj. La belan libron ornamas portreto kaj aŭtografo. Gia unua parto, verkita de S-ro Ed. Stettler, raportas koncize, sed sprite, pri la mallonga tiel plena vivo de Hodler, kaj ĉefe pri la fondo kaj unua periodo de UEA kaj de ĵurnalo Esperanto. Estas juste se la novaj samideanoj, kiuj ne konis Hodler, kaj la malfacilajn jarojn de nia movado, eksciu pri la nobla karaktero, malofta sinofero, utila laborado de tiu pioniro. Pri liaj represitaj artikoloj, kvankam kelkaj pripensoj malaktualiĝis, la ĝeneralaj ideoj ankoraŭ meritas atenton, kiel ankaŭ la klara stilo, kiu estas bonega lingva modelo.

*Klari* estas morala religia romano, cetere lerte aranĝita de l'aŭtorino, kaj bone tradukita de S-ro Em. Robert. La celo, montri neceson de religiaj sentoj, ne tro trudiĝas kaj feliĉe ne faris predikon el tiu interesa historio, kie juna orfino, per siaj kredo, persisteco, sinoferemo, kuracas erarintajn animojn, forigas la gravajn malkonsentojn, kiuj disigis samfamilianojn, kaj fine ankaŭ trovas rekompenson de siaj maloftaj virtoj.

Laŭŝajne estas porinfana legaĵo, la ses prozaj fabeloj titolitaj *Kion rakontas la amikoj de Peĉjo,* en kiuj karberoj, alumetskatolo, botelo, k.t.p., vice parolas nokte al malsana knabo. Tion almenaŭ kredigus la elektita formo. Sed, ĉar la celo estas konstatigi la sociajn maljustaĵojn, veki abomenon kontraŭ nuna organizaĵo, estus kvazaŭ peko trofrue enblovi malamon ĉe senspertaj etuloj; kaj pli dece oni metos la bone verkitan kaj tradukitan fabelaron en manojn de pli aĝaj, pli rezonkapablaj homoj.

Hristo Botjov estas bulgara revoluciulo kaj poeto. Por konigi lin eksterlande, Zahari Zahariev prezentas en libreto, kun portreto kaj biografio de l'aŭtoro, tradukon de dekses liaj pli malpli longaj poemoj. Nefacila tasko; malgraŭ la lerteco kaj korekta lingvo de l'tradukinto, *Versaĵoj* ne rivelas sufiĉe la apartan originalecon de verkisto tiom laŭdata en la antaŭparolo; tio estis verŝajne neeblaĵo.

En dua korektita eldono de *Libera Voĉo,* Aŭstria Laborista Ligo Esperantista kolektis la esperantigitajn tekstojn de 20 kantoj, unuj speciale laboristaj, aŭ kontraŭburĝaj, ceteraj simplaj popol — aŭ marŝkantoj. La versoj estas korektaj, taŭge aranĝitaj laŭ la muziko.

---

Duobla kajero de Biblioteko Tutmonda (3-a serio) resumas vorte kaj bilde, kion ĉiu devus scii pri *La Evoluo de Telefonio,* de la eltrovoj de Reis, Bell kaj Hughes, ĝis la mirindaĵoj de l'aŭtomata kaj senfadena telefonio. Malgraŭ la boneco de l'klarigoj, la korekteco de l'stilo, la nedubinda faksperteco de l'aŭtoro, inĝeniero Isbrücker, la legado de l'verko lasas tiun postpenson, ke ĝi estas tro konciza. Kredeble la formato de l'kolekto postulis tiun densecon, kiu faras, ke nur kun iuj konoj en elektroteknikio la leganto profitos el la libro.

Parolado de rusa scienculo A. Fersman, dirita en 1922 dum kunveno de Geografia Instituto en Petrograd, estas tradukita por la scienca kolekto de S.A.T.; ĝi efektive konservis sian intereson. En ĝi la akademiano ĵetas maltiman rigardon en la estontecon, kiam scienco ĉion regos, kiam ĝi disponos spacon, tempon, interatoman energion, sekreton de l'vivo. Estas vere, ke fizikaj metodoj pli kaj pli etendas sian helpon al la aliaj sciencoj, ke la ĝisnunaj akiraĵoj rajtigas je grandaj esperoj. Tial *La vojo al scienco de estonto,* kvankam nur ĝenerala supraĵa rigardo, estas pripensiga studado.

***

En bele aranĝita libro, kun portreto kaj paralelaj tekstoj en Esperanta kaj Japana lingvoj, S-ro Niŝimura kolektis dediĉojn, poeziajn kaj prozajn, skribitajn okaze de la liberiĝo de S-ro Onisabro Deguĉi, la nuna majstro de Oomoto-movado. Lin, pro miskompreno, la japana registaro enkarceris dum ses jaroj. La varmeco kaj multdeveneco de l'atestoj presitaj en *Sinjoro Laŭdata* pruvas kiom da simpatio jam akiris tiu homama etiko naskiĝinta en fora Oriento, aŭ kiom nia konfuzita intelektularo emas al novaj religiaj sintezoj.

Efektive, en proksima Oriento, alia sekto, la Blankaj Fratoj, sekvanta la instruon de alia profeto, Petr Danov, ankaŭ trovas nombrajn aliĝantojn. Pri la celo kaj vivo de tiu majstro kaj de liaj disĉiploj interese rakontas du novaj numeroj de biblioteko Nova Kulturo (la unua kajero: La Alta Idealo, jam estis anoncita) kun titoloj: *La Granda Leĝo* kaj *La Blankaj Fratoj.*

Broŝureto Granda Piramido celas pruvi, ke tiu monumento simboligas la Kristan religion, ke ĝiaj formoj, partoj, mezuroj, loko, estas mistere signifoplenaj antaŭdiroj, ĝuste akordiĝantaj kun la nebulaj profetaĵoj en Apokalipso. Tian ĵongladon kun ciferoj, tian ŝajnsciencan asertaron, devus energie mallaŭdi, se tiun klopodon ili valoras, ambaŭ interesatoj: scienculoj kaj religiemuloj.

---

*La konferenco « Paco per Lernejo »* okazinta en Praha dum printempo 1927, kie paroladoj estis ĉu en Esperanto, ĉu tradukataj nur en tiu lingvo, havis sukceson kaj ĝia efiko ne ankoraŭ elĉerpiĝis. Tial la detala protokolo de tiuj debatoj, kun la voĉdonitaj rezolucioj kaj listo de l' partoprenintoj, eldonita de Internacia Oficejo de Edukado en Genevo, restas interesa, utila dokumento.

Kongresanoj en Antverpeno donace ricevis broŝuron *La Flandra Movado,* ne ampleksa, sed tre interesa, kvankam akre kaj partie, ĝi pledas por politika nacia lingva anaro ekluktanta kontraŭ la Belga registaro, kulpigante tiun pro troa favoro al

la franclingva plimulto. Tiu klopodado espereble ne iam kondukos al skismo, sed troviĝus ia solvo por kontentigi ambaŭ fratojn nuntempe malamikajn.

S-ro Lanti en « For la Neŭtralismon » defendis apartan organizon de esperantistaj laboristoj; en *La Laborista Esperantismo*, li plie klarigas la laŭracian necesecon de internacia lingvo, ĝian gravecon por la proletaro, la taskojn de S.A.T. kaj ankaŭ la rilatojn inter tiu asocio kun la aliaj esperantistaj organizaĵoj unuflanke, kaj kun la politikaj sociaj partioj aliflanke. Preciza, taŭge verkita batalilo.

* * *

*La Nova Gramatika Libro* de D-ro Stamatiadis estas detala instruilo, kie ĉiuj punktoj de nia lingvo, alfabeto, gramatiko, vortfarado estas vice ekzamenataj. Marĝentitoloj, piedpaĝaj demandoj, multnombraj referencoj ankoraŭ pli profitigas tiun studadlibron. La aŭtoro ĉion konas en niaj prilingvaj dokumentoj; li citas Zamenhof, Cefeĉ, Grosjean-Maupin, Aymonier, Christaller, Lippmann, k.t.p., eĉ ĉiun ĵurnalartikolon, kie regulon oni interpretis. La libro resumas certe spertadon kaj profesian laboradon multjarajn. Ĉar la klarigoj specialaj por grekoj, aŭ la grekaj tradukoj, estas kompare neĉefaj, oni povas diri, ke la ampleksa kompendio tiom celas la ĉiulandan esperantistaron, kiom greklingvajn lernantojn. Ĝi esence estas io analoga al Sintakso kaj Vortfarado de Fruictier. Ĉu vi estus imaginta, ke en ĝi estas plena versfarado aŭ riĉa kolekto de homonimoj, (avara, av-ara; aventuro, aven-turo; k.c.) kapabla por longe provizi niajn vortludemulojn? La aŭtoro, en antaŭparolo, petas konsilojn por aldonoj aŭ plibonigoj. Ĝenerale, respondante tian inviton, oni tute ne plezurigas la petinton, sed malamikiĝas kun li. Tamen mi malkaŝe diros, ke estus pli bone distingi la du celitaĵojn, t.e. verki greklingve plenan gramatikon por grekoj, kaj esperante iun kompilaĵon en ĉiuj prilingvaj traktaĵoj ĝis nun aperintaj; kaj mi konsilus forlasi la paragrafojn pri persekutoj de Ortodoksuloj kaj Izraelidoj, pri konduto de Esperantistoj dum milito, pri kunedukado kaj gimnastiko, eĉ pri Esperantista saluto, kiuj, taŭgaj en iu propaganda aŭ debata ĵurnalo, estas mislokataj en instrua aŭ scienca verko.

*Lehrgang des Esperanto* de Dr. Ing. Ellerbeck estas germana tre bona, tre plena lernolibro, kun ŝlosilo por memlernantoj, kun blankaj larĝaj margenoj por dumstudaj notoj, kun materialo serioze kaj taŭge elektita. Plaĉa eleganta formato kaj presado kompletigas la bonan aranĝon internan.

* * *

La propaganda broŝuro de S-ro Rollet de l'Isle, verkita en franca lingvo, *L'Initiation à l'Esperanto*, estas la plej bona, la plej dokumentita tia varbilo, kiun ni posedas; ĉiuj unuaj ĉapitroj, pri la profitoj de Esperanto, pri ĝiaj principoj, pri ĝia konstruo, pri la faritaj spertoj, pri la tuta historio de l'lingvo, pri ĝia aŭtoro, estas laŭdindaj, venkas kontraŭulon, konvinkas indiferentulon. Sed poste la aŭtoro ĵetas malvarman severan rigardon sur la nuna stato de nia movado, sur la proksimaj progresoj atingotaj. Tie li fariĝas, se ne pesimista, almenaŭ tre singardema; tia forigo de ĉiu trograndigo, tia malfido je rapidegaj paŝoj, je tuja triumfo, estas certe aprobindaj, sed mi estus publikiginta ilin en esperanta lingvo por moderigi kelkajn blufulojn, sed ne franclingve, en traktaĵo por varbotoj; ĉar tiel, tiuj finaj ĉapitroj riskas detrui la entuziasmon, kiun kapablis elveki la unuaj.

[Unu eraro pri gravaj faktoj estas korektinda en la broŝuro. Ne estis la Universala Telegrafa Unio, kiu rekomendis al registaroj akcepti la uzon de Esperanto kiel « klara lingvo » en telegramoj. Estis la Ligo de Nacioj post longa batalo per decido de la ĝenerala kunveno 20 Septembro 1924. Poste la Unio igis tiun allason deviga per ŝanĝo de la artikolo VII de sia regularo en Oktobro 1925. Estas do neakurate diri, ke la Ligo de Nacioj neniam ion decidis pri Esperanto. Se ĝi sin detenis pri lernejoj, ĝi almenaŭ voĉdonis pri telegrafio formalan rekomendon por Esperanto « kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj rilatoj » kaj tiu rekomendo estis tuj obeata. Pri la Ligo ni havas multe por plendi sed ni estu justaj kaj redonu al Cezaro tion, kio al Cezaro apartenas (Red.)].

---

Kun prospekto pri la literaturaĵoj de si eldonitaj, la Firmo Hirt & Sohn sendas la N-ron 5 de sia *Literatura Informilo;* en ĝi, krom aliaj artikoloj, oni legos raporton de S-ro Andreo Ĉe pri la instrumetodo de li uzita tiom sukcese en siaj krucmilitiroj en Svedujo kaj Latvujo. Instruantoj profitos je tiuj sugestoj, kiujn praktiko pravigis, kaj kiujn oni dezirus ankoraŭ multe pli detalaj.

Nur nomataj estos: bela ilustrata gvidlibro pri *Sevilla;* belaspekta invitilo por la *Leipziga printempa foiro* em 1929; tia pri *Mondekspozicio en Antverpeno*, 1930, por kolonioj, navigado kaj Flandra arto; *Manĝokarto* de restoracio Pagod en Stockholm; *du Adresaroj*, tiu de Esperantistoj en Svedujo, tiu de Suda Ligo (Laborunuiĝo en Baden-Württemberg).

G. S.

# LINGVAJ STUDOJ

## Pri monosilabeco

Ni jam plurfoje atentigis pri la rimarkinda monosilabeco de la angla lingvo, kiu ĝin igas tiom netaŭga por klara radio-aŭdado eksterlande. La 6a Novembro en la Brita Akademio en Londono, Profesoro Otto Jespersen faris interesan prelegon pri tiu sama temo.

Laŭ li la angla lingvo alproksimiĝas al tiu tipo plej bone reprezentata per la monosilaba ĉina lingvo. Restas ankoraŭ kelkaj malmutaj plursilabaj vortoj en la origina komuna angla lingvo, kiel *daughter, little, mother* k.t.p. sed eĉ tiuj emas reduktiĝi al unusilabeco. La ceteraj polisilaboj apartenas al la fremda elemento en la angla lingvo (el latina, greka, franca).

Por montri la emon de la angla lingvo al monosilabeco prenu paĝon el malnova teksto, ekzemple el prozo de reĝo Alfred. El 85 tiamaj vortoj plursilabaj, 69 fariĝis unusilabaj en nuntempa lingvo kaj nur 16 restis polisilabaj. (Inter parentezoj ĉu ni prefere uzu *unusilaba* kaj *plursilaba* aŭ *monosilaba kaj polisilaba?*).

Kiaj estas la kaŭzoj de tiu konstatebla emo al perdo de silaboj? Unue la regula forlaso de malfortaj (neakcentitaj) vokaloj, superfluaj por la senco. Multaj eŭropaj lingvoj konas la vorton *tablo, table*, el latina *tabula*. Ĉar akcento fortigis la unuan *a*, la malforta dua silabo forlasiĝis kaj foje eĉ la tria. En la itala lingvo restas ankoraŭ ĉiuj tri en *tavola*.

Alia kaŭzo aparte aganta nuntempe estas la simpla forigo de silaboj por diri pli rapide, ekz. *fad* por *fadaise*, *brig* por *brigantine*. Hodiaŭ oni diras *Sam por Samuel* aŭ *Zep* por *Zeppelin*.

Eĉ en Esperanto tiu angla emo al mallongeco lasas kelkajn postsignojn. El niaj britaj samideanoj venis al ni la kutimo diri *ĝis la* aŭ *ĝis*, anstataŭ *ĝis la revido*.

Estas rimarkinde kiel la pli sudaj popoloj preferas vokalojn al konsonantoj. Kiam la franca lingvo perdis finaĵojn, ĝi forlasis volonte la konsonantojn, dirante *po* por *pot* kaj *pots*. Dume

la angla lingvo retenas ĉiujn konsonantojn avide, elparolante *pots, helps, strecĉt* (por stretched), ne timante eĉ tri konsonantojn sinsekve.

En angla lingvo pli ol 8.000 monosilaboj estas uzataj. En la ĉina lingvo pekina, nur 420, sed la diferenco de tonoj kvarobligas tiun nombron. La plej granda malfacilaĵo en la ĉina lingvo estas la granda nombro de homofonoj (samsonantoj), unusilabaj vortoj signifantaj tri aŭ kvar diversajn aferojn. Angle *noz* (*knows, nose, noes*) signifas : scias, nazon aŭ neojn. France *ren* (*reine, rêne, renne*) signifas: reĝinon, bridon, nordan cervon, *ser* (*sert, serre, cerf*) signifas: servas, premas, cervo. Imagu la malfacilecon de ĉina lingvo, kiu posedas centojn da tiaj ekzemploj. Esperanto estas paradizo, kie ne ekzistas tiaj komplikaĵoj.

En la angla lingvo la longeco de vorto foje rilatas la daŭron de fakto. Ekzemple *rap, smash, tap* montras subitajn batojn, dum *rattle, bubble, clapper* montras daŭrajn bruadojn. *Nowadays* (nuntempe) signifas pli longan periodon ol *now* (nun).

Inter projektoj de mondlingvoj unu imitis admire la monosilabecon de la angla lingvo. Tiu estis la blua lingvo de S-ro Bolak aperinta en 1900 en Paris. Hodler kaj mi ĝin lernis kiel ludon estante knaboj kaj, laŭ letero de l'aŭtoro, estis eble la solaj personoj iam interparolintaj en ĝi! La verkinto estis procedinta jene por krei sian lingvon: unue li skribis sur kartonajn slipojn ĉiujn eblajn monosilabojn elparoleblajn, ekz. *paf, pif*, k.t.p. poste reprenis ĉiun slipon kaj sin demandis kiun sencon la vorto havu. Tiam *paf* fariĝis: ebria, *pif:* nazo, bab: bubo, *mnist:* ministro, *rov:* strato k.t.p.

Jam abato Schleyer en Volapük uzis monosilabojn sisteme kaj aldonis vokalojn por deklinacioj. *Vol* signifas mondo, *pük:* parolo, *blad:* folio, k.t.p.

Laŭ belsoneco kaj klara komprenebleco lingvo kun forta akcento kaj polisilaboj estas multe preferinda. Estas ja ĉie konata ke en radio-aŭdado plej klare sonas kaj kompreniĝas itala kaj esperanta lingvoj, ambaŭ harmoniaj kaj agrablaj al orelo.

Edmond PRIVAT.

---

# Pro kaj Por

Tre ofte oni uzas nekorekte la prepozicion « *Pro* » anstataŭ « *Por* ». Tio estas rimarkebla ordinare en la okcidentaj latinidaj landoj kaj certe ĝi estas pro influo de la latina signifo de la sama prepozicio. Oni forgesas, ke en Esperanto ĉiu vorto eniras kun fiksita firma signifo kaj ke oni devus eviti en la uzado de la vortoj la influon de la aliaj lingvoj. Do, oni eraras skribante « batali pro la patrujo », « labori pro pano », « batali pro honoro » ktp.

En la ĉefartikoloj de unu el la lastaj numeroj de « Heroldo de Esperanto » mi legis, ke iu laboras *pro* pano. Kion signifas tio? Ke iu, havante panon, estas instigata de tiu fakto labori?

« *Pro* » signifas « *kaŭze de* »; ĝi esprimas sekvon de io, kio estas, sekvon de iu kaŭzo ekzistanta. Ekzemple, *pro* la malbona vetero mi ne iros hodiaŭ al la ĝardeno; *pro* via malfrua veno mi ne povis fari tion aŭ tion; pro vi mi nun havas grandan perdon (vi estas la kaŭzo) ; pro manko de mono mi ne aĉetas tion kaj tion, (la ekzistanta manko de mono estas kaŭzo de tio, ke mi ne aĉetas), ktp.

« Por » esprimas celon al io, agon por akiri ion aŭ agon por utilo de iu aŭ de io. Mi laboras *por* Esperanto (ne *pro* ĝi!). Oni laboras *por* pano (ne *pro* pano!) — por akiri ĝin. Oni batalas por honoro, por la patrujo (sed ne pro honoro, pro patrujo).

ADA, Sofia.

# Japana Sprito

En Japanujo la publikaj oficistoj uzas eksterordinaran ĝentilecon kontraŭ la publiko. Sed por eŭropanoj la formoj de tiu-ĉi ĝentileco estas pli ol rimarkindaj. Karakterizan pruvon de tiu-ĉi konstato donas la regularoj per kiuj la japanaj aŭtoritatoj klopodas solvi la trafikan problemon en la stratoj. Jen kelkaj el tiuj floroj:

« O Aŭtomobilo, vi estas bela, vi estas rapida, vi estas fortoplena. Sed ne malbonuzu vian belecon, vian rapidecon kaj vian forton.

Pensu al via eta frato kiuj malsukcesis kontraŭ vi: la hundo, la ĉevalo kaj ankaŭ la piediranto.

La hundo timas viajn pneumatikojn, kiuj povas tiom facile lin frakasi. Ebligu al li ke li saviĝu.

La ĉevalo timas pri via bruo, via fumo kaj via malbona odoro. Evitu ofendi ĝiajn orelojn, okulojn kaj ĝiajn naztruojn.

Sed antaŭ ĉio estas la piediranto tiu al kiu vi plej malmulte atentas. Vi tamen farus bone kompati lin kaj vidi lin. Ĉar eble morgaŭ li ankaŭ veturos en aŭtomobilo.

# Amerikana Sprito

Dum vizita tago en malliberejo bonkora sinjorino diris al kaptito: « Bonulo, mi esperas, ke vi depost kiam vi troviĝas tie-ĉi havis la tempon por mediti kaj decidiĝi, estonte eviti viajn erarojn ».

« Estas tiel, respondis konvinke la kaptito. Kredu ke ĉe proksima fojo kiam mi entreprenos ion, mi surmetos gantojn ».

(« The American Legion Weekly »).

La proksima milito, diras la entomologoj, estos kontraŭ la tineoj kaj estos tre strange vidi kiam el la kanonoj oni pafos okcolajn tineo-kuglojn. (« Detroit News »).

---

Komisiono por Enketo pri Unuecigo de la Esp. Movado
Prezidanto Dro. A. Vogt,
Calwerstrasse 54
Stuttgart

*Aldono al ICK-cirkul.* 43

Stuttgart. 20 decembro 1928.

Al ĉiuj Naciaj Societoj
» » Reprezentantoj en K.R.
» » Komitatanoj de U.E.A.
» la Korespondantoj de I.C.K.
por informo
al la redakcioj esperantistaj

La Kunsido de la Ĉenerala Estraro de la Esperanto-Movado en Antverpeno de l'8 Aŭgusto 1928 komisiis min prepari raporton pri la ebleco unuecigi la organizon de la Esperanto-Movado. Tiu ĉi raporto ankaŭ enhavu ĉiujn sugestojn senditajn de ekstere.

La komisiono konsistas el :

Dro. A. Vogt, Vicprezidanto de GEA, prezidanto
Sro. H. Jakob, Direktoro de UEA, } membroj
Sro. J. Merchant, prezidanto de ICK, }

La komisiono laŭ farata decido de ICK estas rajtigita, se bezone, ankaŭ peti la kunlaboron de aliaj personoj.

Por faciligi la taskon de studado al la Komisiono, mi petas, ke la interesitaj Naciaj Societoj, ĉefdelegitoj de UEA kaj aliaj samideanoj, havantaj apartan sperton pri organizaj kaj financaj demandoj de nia movado sendu siajn proponojn por ekzamenado al mia adreso ĝis plej malfrue la 15 februaro 1929. Proponoj el Ekster-Eŭropo estas akceptataj kaj laŭeble konsiderataj ankaŭ post tiu ĉi dato.

Samideane
Dro A. VOGT, prezidanto.

# LA PAĜO DE L'PRAKTIKULO

## Turista karto de la svisa federacia fervojo

En somero 1925 la ĝenerala direkcio de la svisa federacia fervojo komisiis al la Esperanto-Propagandejo Svisa la tradukon kaj ekspedon de sia turista karto, dissendita en aŭgusto 1925.

Per ĉi tiu belega varbilo, instrua kaj ĉie ege ŝatata mi statistike volis pruvi ke U E A ne estas morta organizaĵo, male ke ĝi helpe de siaj viglaj delegitoj povas prezenti al la tutmonda turismo profitojn ne sufiĉe takseblajn. Per ĝi ankaŭ estu kontestata aserto tre ofte aŭdita ke nur U E A — anoj aŭ delegitoj estas ricevantaj esperantaĵojn kiuj pro tio estas tre multekostaj kaj senefikaj. Tiu aserto, ni konfesu, ja povas esti kelkfoje prava, precipe tiam, kiam esperantigitaj presaĵoj estas aldonaĵaj al gazetoj. Tiamaniere la cetera klientaro turisma kaj neesperantista restas tute ne priatentata de ili.

La presaĵoj plejofte sufiĉe multekostaj sukcesos nur tiam, kiam ilin ricevos vojaĝemuloj ĉiuklasaj. Eldonaĵo sendita nur al esperantistoj ĝin bonege kaj zorge klasigantaj en kolekto kompreneble ne povas kontentigi la eldoniston.

Konvinke nuligi la aserton ĉi supran estis la tasko de 579 delegitoj, en 52 landoj, kiujn mi invitis al ĝia plenumo. Kompreneble estis neeble al mi forsendi la turistan karton al delegitoj en lokoj negravaj laŭ nombro de ilia loĝantaro. Delegitoj ne konsideritaj tamen ne kredu ke ilian laboron mi ne ŝatis aŭ trovis nebezona. Amasa forsendo al opaj turismaj oficejoj aŭ esperantistoj, bedaŭrinde, estus kontraŭstarinta la intencon de la eldonisto.

La sukceso helpe de ĉi tiuj delegitoj estas despli rimarkinda konsidere al la nombro de la U E A Delegitoj konsciaj pri ilia honora ofico . Pli bone ni estis sukcesintaj se ĉiuj delegitoj estus propagintaj la esperantaĵon. Mi konstatis ke, laŭ la statistiko ĉi-suba, ne ĉiuj, bedaŭrinde, ekkonis la neceson de energia kunhelpo je eksterlanda propagando, el ĝi la utilon por la tuta esperanta movado kaj speciale por la plej granda evoluo de U E A al ni necesega.

Pro maltaŭga lokiĝo en turismaj oficejoj la varbiloj tie elmetitaj je dispono de vojaĝemuloj plejofte restas nepriatentataj. Tion mi volis eviti kaj instigi la interesatojn al la persona mendo de la turisma karto. En tio estas la granda ne atendita sukceso de la eldonaĵo esperanta. Rimarkinda estas la granda nombro de mendintoj starantaj ekstere de la movado, surprizigaj ankaŭ estas la nombro de belgaj, germanaj, aŭstriaj, jugoslavaj kaj ĉeĥoslovakaj lernejestroj mendintaj kaj uzantaj la geografian karton instrucele, fine la multnombraj petskriboj pri alsendo de fotografaĵoj de la Svisa Federacia Fervojo por ornami la lernejĉambrojn. Dankleteroj de aŭstriaj lernantoj, speciale de s-ro Scheibenreiter, instruisto en Vieno, montris kiom estis ŝatita kaj dezirita la interesa instruilo. Kvankam ne ĉiuj mendintoj parolas aŭ komprenas nian lingvon la turista karto interesigis ilin pri Svislando kaj fine pruvis al ili la praktikan uzeblecon de Esperanto.

La eldonaĵo tutplene atingis sian celon, allogis en Svislandon vojaĝemulojn, ekzemple belgajn skoltojn, bilde kaj tekste konigis al personoj, kies monujo nuntempe ne permesas tian vojaĝon la ravigajn naturbelecojn de nia ĉarma lando kaj naskigis en ili firman decidon iam pasigi kelkajn tagojn en tiu belega, nekomparebla neĝmontaro.

La provizo bedaŭrinde elĉerpiĝis jam de longe kaj ne plu povis esti plenumataj petleteroj ankoraŭ alvenintaj .

Al ĉiu delegitoj kiuj kunlaboris je tiu ĉi sukceso mi esprimas mian personan dankon. Sed nur duona estus mia danko se mi ne mencius la kunlaboron malavaran kaj grandegan de la ĉefdelegitoj, s-roj Fr. Schoofs en Antverpeno kaj Otto Sklenĉka en Hradec-Králové. Ambaŭ samideanoj ne timis laboron kaj penadon por dece sukcesigi la eksperimenton. S-ro Schoofs sola interesigis en sia lando la legantaron por la turista karto kaj Esperanto per siaj bonege verkitaj notetoj en 60 gazetoj kaj mem kolektis kaj plenumis la petleterojn. Do grandega laboro efektiviĝita. S-ro Sklenĉka instigis siajn samlandanojn per radio diktante al ili la tekston por la petleteroj.




La agado de ambaŭ viglaj samideanoj meritas plej fortan laŭdon kaj mian personan plej sinceran dankon. Mi esperas ke ili, kaj espereble aliaj delegitoj, helpos sukcesigi mian estontan propagandon. Tia helpemeco estu al aliuloj iom malpli aktivaj forta instigilo por la estonto.

U E A denove pruvis sian taŭgecon kaj ĉiuj hezitemuloj ne plu restu for de tiu ĉiurilate praktika organizaĵo.

Mi prezentas statistikon pri la forsendita turista karto rimarkinte tamen, ke ne estas en ĝi menciitaj delegitoj, kiuj pro iu kaŭzo ne sekvis al mia invito, kaj mendoj alvenintaj post la finkalkulo.

**Statistiko**

| Landoj | Nombro de la alvenintaj petskriboj | Delegitoj invititaj al kunlaboro |
|---|---|---|
| Anglujo | 14 | 50 |
| Aŭstralio | 1 | 8 |
| Aŭstrio | 124 | 11 |
| Belgujo | 1.246 | 12 |
| Bulgarujo | 4 | 11 |
| Ĉeĥoslovakujo | 1.098 | 35 |
| Ĉinlando | 3 | 5 |
| Danlando | 76 | 3 |
| Estonio | 50 | 1 |
| Finlando | 103 | 3 |
| Francujo | 15 | 58 |
| Germanujo | 284 | 108 |
| Greklando | 2 | 2 |
| Hispanujo | 14 | 14 |
| Hungarujo | 50 | 13 |
| Japanlando | 2 | 10 |
| Jugoslavujo | 17 | 10 |
| Italujo | 25 | 33 |
| Kanado | 1 | 4 |
| Latvio | 233 | 2 |
| Luksemburgo | 6 | » |
| Maroko | 1 | 1 |
| Nederlando | 41 | 20 |
| Norvegujo | 2 | 3 |
| Pollando | 39 | 25 |
| Portugalujo | 1 | 1 |
| Rumanujo | 1 | 16 |
| Sarteritorio | 23 | » |
| Sovetlando | 29 | 3 |
| Suda Afriko | 1 | 5 |
| Svedujo | 2 | 11 |
| Svislando | 351 | 21 |
| Unuigitaj Statoj | 12 | 26 |
| Rekte senditaj al S.F.F. | 150 | |
| Tuta sumo | 4.051 | 525 |

La sukceso de la turista karto influos entreprenojn ankoraŭ ne simpatiaj al nia movado. La eldonoj de la supera poŝtdirekcio svisa kaj ekspozicio pri rivera navigado en Basel, sukcesoj de la raportanta propagandejo, estis la rezulto el la turista karto.

Turismaj oficejoj, unu post la alia, komprenos ke Esperanto kaj U E A solaj estos utilaj por la eksterlanda propagando kaj pro tio meritas tutan ilian atenton.

JULES PERLET.
Poŝtkesto Transit 560, Bern.

## JUBILEO DE D-ro PRIVAT

Ĉe speciala kunveno en Antverpeno kaj ĉe 15 Decembra festo en Genève oni festis la 25 jaran jubileon de por-esperanta agado de D-ro Privat, kiu fondis esp. societon kaj gazeton en Genève kun H. Hodler kiam ambaŭ estis 14-jaraj. La gvidanto de nia gazeto skribas la 19.XII.28 por « esprimi tutkoran dankon al ĉiuj partoprenintoj, subskribintoj aŭ sendintoj de afablaj telegramoj aŭ leteroj. Al ĉiuj sinceran dankon! »

# Propaganda Dokumentaro

**Miljara soleno ĉeĥoslovaka.**

Tiun-ĉi jaron la ĉeĥoslovaka popolo festas la miljaran datrevenon de l' martira morto de Sankta Venceslao, nacia patrono kaj la miljaran ekziston kaj kulturan evoluon de la nacio. La kristanismo enkondukiĝis en ĉeĥaj landoj dum sama epoko (929). La solenoj okazos de Majo ĝis oktobro sub la protekto de la registaro.




*Reproduktaĵo — malgrandigo de la afiŝo*

La komitato por la Venceslao festoj eldonis belan afiŝon kun teksto en Esperanto kaj informan broŝuron pri Sankta Venceslao. La tradukon prizorgis samideano B. Benetka. Dum la 11-15 Aŭgusto okazos la XIV. kongreso de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista al kiu invitas jam nun la Katolika Unuiĝo Esperantista en Praha.

**Prezidanto de Aŭstria Respubliko Wilhelm Miklas. Protektoro de « Internacia Esperanto-Muzeo en Wien**

La nova prezidanto de la Aŭstria Respubliko akceptis la 19. de decembro 1928 la prezidanton de Kuratora Komitato de Int. Esp.-Muzeo en Wien, ĉefinspektoron Steiner, kiu transdonante la salutojn de la Internacia Organizo Esperantista kaj de la neŭtrala aŭstria E.-movado, detale informis la prezidanton pri Internacia Esp.-Muzeo kaj ties malfermo en Julio 1929. Li petis, ke la prezidanto akceptu la protektorecon pri la Muzeo kaj la koncernaj aranĝoj. La prezidanto afable akceptis. Kun granda ĝojo ni tion raportas al la samideanaro. S-ro Steiner ankaŭ transdonis al la prezidanto gazeton « Aŭstria Esperantisto » kaj « Heroldo de Esperanto », kiuj enhavis artikolojn pri la prezidanto mem, plie tole binditan Jarlibron de UEA.



*D-ro Miklas, Prezidanto de l'Aŭstria Respubliko.*

En la Honora Komitato de la Muzeo kaj de la Aranĝoj por 1929 estas krome la kanceliero Seipel, la ministroj por Instruo kaj komerco Schmitz kaj D-ro Schürff, landestro D-ro Buresch, vicurbestro Ross, kardinalo de Wien D-ro Piffl, sekcia ĉefo D-ro Uebelhör, ĝeneral-direktoro de National-Bibliothek univ. prof. D-ro Bick, prof. de universitato D-ro Molisch, prof. de teknika Altlernejo D-ro Schumann, ĝen. dir. de fervojo D-ro Maschat, por la Germana Respubliko ambasadoro grafo Lerchenfeld, por Belgujo ambasadoro Le Chait, por Japanujo ambasadoro Ohno.



CT/GT

TÉLÉPHONE : MT-BLANC 6200 — Adresse Télégraphique INTERLAB GENÈVE-SUISSE

SOCIÉTÉ DES NATIONS
LEAGUE OF NATIONS

BUREAU INTERNATIONAL DU TRAVAIL
INTERNATIONAL LABOUR OFFICE
GENÈVE

Please quote Ref. Nr in reply
Dans la réponse prière de rappeler
Nr D.600/451/10

19 NOV 1928

Sinjoro,

Mi havas la honoron atesti ricevon de via letero de la 8a de Novembro, kune kun la teksto de la rezolucio, farita de la 20a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Antverpeno de 3-11 Aŭgusto.

Ni tre ŝatas tiun rezolucion, kiel pruvon de la viva intereso de la Kongresanoj pri la agado de la Internacia Labora Organizaĵo, intereso kiu konfirmas la opinion jam akiritan de ni, pri la utileco de nia praktita aplikado de Esperanto per la dumonata Bulteno kaj la prelegoj en la Somera Universitato.

Ni dankas vin pro viaj afablaj esprimoj, kaj certigas vin, ke ni tre alte estimas la helpon faritan de la Esperanto-Organizaĵoj por la disdono de niaj eldonaĵoj kaj alimaniere.

Bonvolu akcepti, Sinjoro, mian sinceran saluton.

POUR LE DIRECTEUR,
Le Directeur-Adjoint :

Vicdirektoro

Sro R. KREUZ
Generala Sekretario
Internacia Centra Komitato
de la Esperanto-Movado
12, Bd du Théâtre
Genève

Oficiala letero de la Internacia Labor-Oficejo de la Ligo de Nacioj en Genevo al la Internacia Centra Komitato. Kiel konate kaj kiel montras tiu ĉi kliŝo, la Internacia Labor-Oficejo estas unu el tiuj gravegaj institucioj, kiu praktike kaj daŭre uzas Esperanton por siaj celoj.

# Grava deklaro de mondfama filmdirektoro

Los Angeles Cal., Novembro 1928.

La filmdirektoroj pli kaj pli intersiĝas pri Esperanto. Subite ili eltrovas ke universala lingvo estas absolute necesa se ili volas vendi parolantajn filmojn en la eksterlando.

Unu el la plej unuaj homoj rekomendantaj Esperanton estas la mondfama filmdirektoro Fred Niblo ĉe la fama kaj grandega filmfarejo de Metro-Goldwyn-Mayer. Li estas la viro kiu filmis « Ben Hur ».

Antaŭ kelkaj tagoj Joseph R. Scherer, svisa samideano, nun Delegito de UEA kaj Prezidanto de la Esperanto Klubo de Los Angeles, kune kun D-ro Chas. R. Witt, VD de UEA, havis la honoron esti invitataj viziti S-ron Fred Niblo kaj S-ron Joe Polanski en iliaj oficejoj por diskuti la eblecojn kaj planojn pri la elekto de Esperanto por la parolantaj filmoj. Kelkaj el la direktoroj de tiu granda filmfarejo M-G-M. estas tre favoraj al Esperanto, ĉar ili ekkonas la fakton ke Esperanto estas nepre necesa por universala sukceso de la parolanta filmo.

La fama filmdirektoro tre afable respondis je pluraj demandoj. La respondoj jam estis presataj en multaj gazetoj sed ĉi sube mi volas ripeti la plej gravajn eldirojn de la fama Fred Niblo. Jen la demandoj de S-ro Scherer kaj la respondoj de la direktoro:

*D.:* Kiam vi unue aŭdis ion pri Esperanto?

*R.:* Antaŭ multaj jaroj mi legis pri Esperanto kaj aŭdis pri ĝi kiam mi laboris en Eŭropo.

*D.:* Kial vi nun subite estas pli multe interesata en nia Universala lingvo?

*R.:* Mi ne havis multan tempon por lerni Esperanton. Mi ne bezonis la lingvon. Sed ĉar nun parolantaj filmoj estas tiel ŝatataj en la tuta mondo, nova problemo ekaperis. Estas problemo de nia vivado, de nia sukceso en Eŭropo. La angla lingvo ne estas dezirata en la kontinenta Eŭropo. Universala lingvo estas nepre necesa por niaj novaj filmoj. Estas afero de mono. Se la filmoj ne estas uzeblaj en Eŭropo, niaj profitoj estos pli malgrandaj.



De maldekstre: Fred Niblo, Direktoro de Metro Goldwyn Mayer proponante la uzon de internacia lingvo por la parolanta filmo; Charles Witt, Vicdelegito de UEA kaj Joseph Scherer, Delegi o de UEA, oficisto de la Seabord National Bank, Los Angeles, Cal.

*D.:* Ĉu vi ne pensas ke filmosteloj povus lerni diversajn naciajn lingvojn?

*R.:* Tute ne! Tio estas absoluta neeblaĵo. Estus eble teorie sed ne praktike. Multaj bonegaj filmosteloj ne havas lingvan talenton. Ofte bonaj elparolistoj en unu lingvo ne povas lerni la akcenton de eĉ nur unu alia lingvo. Famaj eksterlandaj filmsteloj devus lerni kun granda peno la anglan akcenton kaj eble ĉiam devus ludi eksterlandulajn rolojn.

Sed eĉ se *estus praktike eble* bone lerni tiom da lingvoj, ĉiam restus *financa neeblaĵo*, fari la saman filmon en diversaj lingvoj. Ne, tute ne, tio ne estas farebla; la kosto estus terure alta, kaj nenia profito rezultiĝus.

*D.:* Sed la Usonaj filmoj povus esti montrataj almenaŭ en Britlando, ĉu ne?

*R.:* Jes, sed vi devas memori ke nia Usona-Angla lingvo ne estas tre agrabla al granda parto de la Angla popolo. Ni havas krome, multajn idiomaĵojn, kiuj ne estus komprenataj de britoj. Tie ili havas aliajn idiomaĵojn kiujn *ni* ne komprenas. Kaj la idiomaĵoj ja donas al la lingvoj la spicon. La angla lingvo en britaj filmoj ne estos ŝatata de la plimulto de la Usona popolo. Sed krom tio ni ja tute ne deziras perdi la klientaron de la kontinanta Eŭropo kaj aliaj landoj.

*D.:* Ĉu Usonaj parolantaj filmoj ne povus esti montrotaj kiel « silentaj filmoj » en la kontinenta Eŭropo?

*R.:* Tute ne! ĉar la Eŭropanoj rifuzos esti tiel malĝentile malatentataj. La Eŭropaj filmfarejoj ja ankaŭ faras parolantajn filmojn kaj sen akcepto de ia neŭtrala lingvo la nun tiel ŝataj Usonaj filmoj nepre fariĝus malŝatataj. Ankaŭ la estontaj grandaj filmoj de germanaj, francaj, italaj kaj aliaj filmfarejoj estos limigataj je sia propra lando sen la uzado de la simpla, sed kompleta, plej logika kaj plej facila lingvo — la neŭtrala Esperanto.

*D.:* Kiuj estas viaj plej famaj filmosteloj?

*R.:* Norma Shearer, John Gilbert, Ramon Navaro. William Haines, Lewis Stone, Lionel Barymore, Greta Garbo kaj Conrad Nagel, estas niaj plej famaj steloj. Estus domaĝe se ili ne plu estus videblaj en Eŭropo pro manko de lingva kono.

S-ro Fred Niblo estas plej simpatia viro kaj li petis nin reviziti lin. Poste S-ro Scherer donacis al S-ro Niblo Esperantan flagon kaj insignon, kaj la fama direktoro ĝojis pro la donaco tiom, ke li tuj ordonis la fotografadon de la transdonado. Fotografistoj ekaperis kaj faris multajn diversajn bildojn. La filmdirektoro promesis doni al ni sufiĉajn kopiojn por ĉiuj Esperantogazetoj kaj alilingvaj kiuj raportos pri la vizito. Ni sendas tial aron da fotografaĵoj al la Centra Oficejo de UEA en Ĝenevo, Svislando. Iu ajn Esperantisto, kiu volas kopii aŭ traduki tiun ĉi artikolon por aliaj Esperanto-gazetoj aŭ naciaj Jurnaloj, aŭ monataj aŭ semajnaj revuoj povas ricevi originalajn fotografaĵojn de tiu-ĉi oficejo (kontraŭ alsendo de 5 poŝtrespondkuponoj aŭ 2.— Frk de respondkuponoj de UEA).

La adreso de la direktoro estas « Fred Niblo, ĉe Metro-Goldwyn-Mayer Studio, Los Angeles, Kalifornio ». Ĉar nur malfacile kaj malrapide organiziĝas subskribo-kolektoj, arego de Esperantaj gratulesprimoj certe bone efikus. Sed gazetaj eltranĉaĵoj (kun inkaj rimarkoj pri la dato, gazetnomo, urbo ktp) estas treege dezirataj de S-ro Joseph R. Scherer, ĉe Seaboard National Bank, Los Angeles, Kalifornio. Li elspezas multan monon kaj tempon kaj bezonas la multlingvajn eltranĉaĵojn por plia propagando. Joroŝo.

# Universala Esperanto - Asocio



Centra Oficejo:

12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 3. Januaro 1929.

*Decido de la komitato.* — Per letero sendita la naŭan de oktobro, D-ro Privat malakseptis sian reelekton kiel Prezidanto de UEA pro motivoj jam klarigitaj dum la kongreso en Antverpeno. Li proponis kiel prezidanton de la Asocio S-ron Ed. Stettler en Bern. La komitato de UEA voĉdonis favore tiun proponon; je la 20a de novembro 1928 ni konigis la rezultaton al Sinjoro Stettler kiu per letero de la 14 de Decembro bonvolis akcepti denove la prezidantecon. La komitato bonvolis egale akcepti kiel sian anon por Usono S-ron Henry W. Hetzel, Delegito de UEA en Philadelphia, por anstataŭi S-ron Parrish, Honora sekretario por Usono.

*Budĝeto por la jaro* 1929. — Dum la monato novembro la Direktoro submetis al la komisiono de UEA proponon pri budĝeto por la jaro 1929. Post detala klarigo de la unuopaj ciferoj, pruvoj kaj vigla interkorespondado la Komisiono aprobis. Ni ĝin submetis al la komitato de UEA — *kun ĉiuj detaloj* — kiu siavice aprobis.

**Elspezoj**

| | | |
|---|---|---|
| Salajroj ........... | 25.000 Fr. sv. | (Por sep personoj) |
| Oficejo ............ | 4.500 | (Luo, hejto, purigo k.t.p.) |
| Gazeto ............. | 18.000 | (90.000 ekz, kun afranko) |
| Jarlibro ........... | 12.000 | (10.000 ekz. kun afranko) |
| Presajoj .......... | 3.000 | (Aliĝiloj, Bultenoj, k.t.p.) |
| Afranko ........... | 4.500 | (C.O. kaj Ĉefdelegitoj) |
| Materialo .......... | 500 | (Oficeja materialo) |
| Premioj ........... | 5.000 | (Frupagintoj-subtenantoj) |
| Maklero ........... | 500 | (Al sekretarioj aŭ ĈD) |
| Vojaĝelspezoj ..... | 500 | (Antaŭvideblaj vojaĝoj de ĈD) |
| Imposto-asekuro ... | 400 | (Imposto. Asekuro de la oficistoj) |
| Divers ............. | 1.100 | (Diversaj elspezoj) |
| | 75.000 | |
| Subteno al I.C.K... | 2.500 | (Fiksita laŭ sl emo akceptita) |
| Rentumo prunto ... | 1.000 | (Debetinteresoj por 20.000 Fr.) |
| Amortizo de meblaro kaj de maŝinoj.. | 1.500 | (Maŝinoj kaj mebloj en la (Aktivoj de la Bilanco.) |
| Sumo Fr. sv. .... | 80.000 | |

**Enspezoj**

| | | |
|---|---|---|
| 2.400 | kotizoj de M. (meze) ..................... | 9.600.— |
| 6.000 | » de MA » ..................... | 54.000.— |
| 400 | » de MS » ..................... | 9.400.— |
| 8.800 | anoj kiuj meze pagus Fr. ................. | 73.000.— |
| | Aliaj enspezoj: | |
| | Anoncoj, Abonoj, entreprenoj .............. | 4.600.— |
| Tuta regula enspezo Fr. | ........................ | 77.600.— |
| Subteno el Asocia Kapitalo (Jara rentumo k.t.p.) | | 2.400.— |
| Sumo Fr. | ........................................ | 80.000.— |

Por komparo: La regulaj enspezoj de la lastaj tri jaroj sumis: 1926: 74.840.—; 1927: 77.369.—; 1928: 75.686.— (Sen subteno de la Asocia Kapitalo). — La meza enspezo de unu jaro do estis 75.963.—).

*Interŝanĝa Klubo.* — Pro nesufiĉa partopreno al la Interŝanĝa Klubo ni ne povis aperigi plan bultenon. Aliĝis entute 140 personoj kun fina sumo de 280 Fr., kio repagis la koston de la Interŝanĝa bulteno. Ni petas la aliĝintojn kiuj deziras, ke iliaj adresoj aperu ankoraŭfoje en *Esperanto* sendi al ni novan tekston kiun ni aperigas sinsekve laŭ la alveno.

*Pariza Teritorio.* — Elekto de nova ĉefdelegito por urbo Parizo donis jenan rezultaton:

Voĉdonrajtaj personoj: 91. Respondis: 53. Necesa plimulto: 27.

S-ro Marseille (ĉefdelegito) 46 Jes: 1 Ne.
F-ino Gérard (Sekretariino) 46 Jes: 2 Ne.

La resto de 7 aŭ 6 voĉoj ne valoris. La du kandidatoj estas do elektitaj. La Komisiono de UEA bonvolis aprobi la elekton.

La voĉdonon kontrolis kaj subskribis la protokolon F-ino Cecile Royer, S-ro C. Rousseau kaj S-ro M. Dény, ĉiuj anoj de UEA.

*Repago de kotizo 1929.* — Pro cirkonstancoj ne dependaj de la Centra Oficejo la dissendo de la speciala alvoko al la membraro prokrastiĝis. Ĉar la tempolimo do estas tro mallonga por ke profitu kiom eble plej multe de la premioj, ni plilongigas la daton de ricevo de la kotizo ĝis la 31a de januaro 1929.

*Deklaro.* — D-ro Privat deklaras per tio-ĉi, ke li neniam kalumniis Sinjoron Grenkamp nek atakis lian honoron. Sinjoro Grenkamp deklaras siaflanke ke li ne deziras daŭrigi malpacon kontraŭ D-ro Privat.

Antverpeno, loa de Aŭgusto 1928.
Subskribita de: D-ro Edm. Privat. S. Grenkamp-Kornfeld

* * *

**Novaj delegitoj.**

*Algersdorf-Valkerice* (Ĉ.S.R.) D.: S-ro Josef Ringelhan.
*Cherry Valley* (U.S.A., N.Y.) D.: S-ro J.L. Roseboom.
*Ĉešov* p. Vysôké Veselí (Ĉ.S.R. Boh.) D.: S-ro Josef Ĉmugr.
*Daugavpils* (Latv.) D.: S-ro J.R. Ozolinŝ, Vilnas ielá N.5 dz. 1. VD.: S-ro A.K. Cirulis, Miera ielá N.1. dz. 2.
*Holbaek* (Danlando.) VD.: S-ro Axel Jensen, Fasanvej, 16.
*Horni Bojanovice* p. Hustopeĉe (Ĉ.S.R. Mor.) D.: S-ro Ant. Frolišek.
*Janów* (Pollando.) D.: S-ro Karol Kristek, ul. Zamkowa 2. VD.: S-ro Pawel Mrochen, ul. Mikolowska, 4.
*Leisnig* (Germ.) D.: S-ro Erich Bertram, Colditzerstr. 19.
*Luze* v.Ĉ. (Ĉ.S.R. Bohem.) D.: S-ro Karel Vañous.
*Melbourne* (Aŭstralio.) VD.: F-ino V. Cox, 31, Albany Avenue, Surrey Hills.
*Moravská Lodênice* p. Bohunovice ap. Olomouc (Ĉ.S.R. Mor.) D.: S-ro Karel Brzokoupil, No 125.
*Peñarroya-Pueblonuevo* (Hisp.) D.: S-ro José Rubio Morales, San Pedro. VD.: S-ro J. Gallardo Corredor, San Bernardino, 6 Duplicado.
*Široky Dul* p. Sebranice (Ĉ.S.R. Boh.) D.: S-ro Frant. Andrle.
*Sulzbach* (Saar.) D.: S-ro Johannes May, Ober-postamtmann.
*Taihoku* (Japan. Formoso). D.: S-ro Rjo Sugimoto, Sotoku-Fu, Sanrin-ka. VD.: S-ro Saburo Kai, Taihoku Koto Gakko.
*Valkenswaard* (Nederlando). D.: S-ro Wilhelm Fransen.
*Warszawa* (Pollando). D.: S-ro Wlod. Miernicki, Marszalkowska 88. VD.: F-ino Halina Weinstein, Leszno 99/5.
*Zagazig* (Egipt.) D.: S-ino Stassa Nicolaidés, c/o T-que Gamsaragan.

***La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.***

**Ŝanĝoj.**

*Antwerpen* (Belg.) VD.: S-ro M. Ketelaere, Oostenstraat 25.
*Bucuresti* (Rum.) VD.: S-ro Ernst Grund, Str. Dr. Sergiu No 36.II.
*Freiburg* i. Br. (Germ.) VD.: S-ino Dr. Maria Rotheit, Herrenstrasse, 2-a.
*Fulda* (Germ.) VD.: S-ro Otto Mehler, Am Bahnhof 34.III.
*Königsberg* (Nord) (Germ.) D.: S-ro Wilh. Smollenski, Unterhaberberg, 63. VD.: S-ro Eduard Herrmann, Kl. Schlossteichstr., 1.
*Königsberg*. Nord. VD.: S-ino Erna Pflug, Neue Dammgasse, 9.
*Petriĉ* (Bulg.) D.: S-ro Georgi Andreev, 6-a Zandarm Druzina.
*Sevilla* (Hisp.) 1-a VD.: S-ro Fernando Coello Grosso, Plaza de San Quintin, 8.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

Aalborg, Danl.; Alberobello, It.; Aldershot, Britl.; Antibes, Francl.; Antung, Ĉinl.; Asunción, Paragv.; Atlantic City, U.S.A.; Bahia, Brazilo; Baež, Kubo; Baillet, Francl.; Bankstown, Aŭstral.; Bari, Ital.; Békéscsaba, Hungarl.; Benevento, Ital.; Benešov u Prahy, Ĉ.S.R.; Bergen, Norveg.; Berkeley, U.S.A.; Böhmisch Krumau, Ĉ.S.R.; Brandenburg, Germ.; Brĉko, Jugosl.; Brig, Svisl.; Burgas, Bulg.; Canon, Francl.; Cape Town, Afriko; Capurso, Ital.; Carcassonne, Francl.; Cardenas, Kubo; Casale Monferrato, Ital.; Casteau, Belg.; Charleroi, Belg.; Chaumont en Vexin, Francl.; Cheste, Hisp.; Boras, Sved.; Chocen, Ĉ.S.R.; Cleve, Germ.; Clinton, U.S.A.; Colon, Urugv.; Cottingham, Britl.; Ĉepelare, Bulg.; Dokkum, Nederl.; Doubrawa, Ĉ.S.R.; Dunkerque, Francl.; Dubno, Pol.; Eichwald, Ĉ.S.R.; Elhovo, Bulg.; Elva, Eston.; Emden, Germ.; Francavilla Fontana, Ital.; Franzensbad, Ĉ.S.R.; Gerstungen, Germ.; Giarre, Ital.; Giola del Colle, Ital.; Grasse, Francl.; Franzensbad, Ĉ.S.R.; Gap, Francl.; Gaussig, Germ.; Greiz, Germ.; Grudziadz, Pol.; Guadix, Hisp.; Guanajay, Kubo; Hajdúböszörmény, Hung.; L'Hay-les-Roses, Francl.; Horrem, Germ.; Hudiksvall, Sved.; Hohenau, Aŭstr.; Husum, Germ.; Imatra, Finl.; Issy les Moulineaux, Francl.; Jaremcze, Pol.; Jasper, U.S.A.; Jekabpiels, Latv.; Jelgava, Latv.; Junín, Argent.; Kalisz, Pol.; Kalugerovo, Bulg.; Kanazaŭa, Japan.; Caransebeŝ, Rum.; Karnobat, Bulg.; Kingstown, Br. Ind.; Kinna, Sved.; Kissingen, Germ.; Kjustendil, Bulg.; Kötzschenbroda, Germ.; Koluszki, Pol.; Komotau, Ĉ.S.R.; Koprivnica, Jugosl.; Krimunas, Latv.; Kumamoto-Ŝi, Japan.; Laihia, Finl.; Lesmierz, Pol.; Louny, Ĉ.S.R.; Lovetch, Bulg.; Lubania, Pol.; Luopioinen, Finl.; Madras, S.Ind.; Makslahti, Finl.; Malakoff, Francl.; Mariampole, Litov.; Mascioni-Campotosto, Ital.; Mayen, Germ.; Mêcholupy, Ĉ.S.R.; Milnsbridge, Britl.; Mola di Bari, Ital.; Molfetta, Ital.; Monteleone, Ital.; Montgeron, Francl.; Montmorency, Francl.; Moravská Ostrava, Ĉ.S.R.; Mornas, Francl.; Motała, Sved.; Mühlbach-Mitterberg, Aŭstr.; Nauheim, Germ.; Nässjö, Sved.; Nemestördemic, Hungarl.; New Castle, U.S.A.; Newport, Britl.; Nova Friburgo, Brazilo; Ortakjoj, Bulg.; Oruro, Boliv.; Ottajano, Ital.; Ottweiler, Saarl.; Oulu, Finl.; Oyonnax, Francl.; Pabjanice, Pol.; Palo del Colle, Ital.; Papstdorf, Germ.; Peking, Ĉinl.; Petrolia, U.S.A.; Pretoria, Afriko; Petroŝani, Rum.; Pfullingen, Germ.; Pireo, Grekl.; Pleven, Bulg.; Polignano a Mare, Ital.; Poznan, Pol.; Praust, Danzig; Prívoz, Ĉ.S.R.; Przeworsk, Pol.; Puerta de Golpe, Kubo; Paimio, Finl.; Rádaúti, Rum.; Reni, Rum.; Rohrbach, Saarl.; Rokycany, Ĉ.S.R.; Rtynê, Ĉ.S.R.; Rubi, Hisp.; Rutigliano, Ital.; Shereport, U.S.A.; Siebnen, Svisl.; Siegen, Germ.; Sinj, Jugosl.; Spittal, Aŭstr.; Split, Jugosl.; Squinzano, Ital.; Storm Lake, U.S.A.; Sultanabad, Pers.; Szeged, Hungarl.; St. Louis, U.S.A.; San Vito dei Normanni, Ital.; Ŝoobara, Japan; Speyer, Germ.; Tananarive, Madagask.; Taranto, Ital.; Terijoki, Finl.; Tetovo, Jugosl.; Tientsin, Ĉinl.; Triggiano, Ital.; Trondhjem, Norv.; Tuczyn, Pol.; Tudor Vladimirescu, Rum.; Turi, Ital.; Tustanowice, Pol.; Tynec, Ĉ.S.R.; Tyrvää, Finl.; Vamberk, Ĉ.S.R.; Veszprém, Hungarl.; Viersen, Germ.; Vitrovitica, Jugosl.; Wadowice, Pol.; Wirserum, Sved.; Welper, Germ.; Wöllstein, Germ.; Woerden, Nederl.; Yokosuba, Japanl.

*Reveno de presaĵoj.* — Ni informas Sinjoron Francisko Jaruŝek, ke jarlibro 1928 kaj div. presaĵoj senditaj al li laŭ la adreso de li donita « Rue Ste. Amélie, Papeete Tahiti », revenis kun mencio « Foriris ne lasante adreson ».

*Statistiko de la delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 25 Novembre | 1818 |
| Forstreko pro nepago | 184 |
| | 1634 |
| Novaj lokoj | 17 |
| Je la 25 Decembro 1928, la nombro de lokoj kun delegitoj de UEA estas | 1651 |

Genève, 25 Decembro 1928. Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

# La Faka Movado

## Pacifistoj

Dum la 20a Kongreso en Antverpeno okazis 9. Aŭgusto 1928 *faka kunveno de la U.E.P.L.*

Ĉeestis 50-60 personoj, inter ili Lidja Zamenhof la filino, kaj Helene Zamenhof, la bofratino de la Majstro. La ĉeestantoj elektis S-ron Vuk Echtner el Praha kiel prezidanton kaj F-inon Lidja Zamenhof kiel honoran prezidantinon. La prezidanto legis la alvenintajn salutleterojn kaj la detalan raporton de la afergvidanto S-ro Heinrich Michalek en Reichenberg.

Laŭ la raporto la Ligo bone laboris kaj gajnis novajn membrojn. Precipe niaj kunlaborantoj en Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Germanujo kaj Svisujo bone sukcesis. Ĝis nun estas 207 membroj en 18 landoj. En la kunveno aliĝis 17 novaj membroj. Oni danke akceptis la pretecon de nia fervora prezidanto S-ro direktoro J. Glück (Germanujo) daŭrigi la devojn de tiu ĉi posteno. Anstataŭ S-ro E. Lindemann (Germanujo) estas elektita kiel internacia kasisto S-ro Oskar Fraenkel (Germanujo). Laŭ propono de F-ino Elise Jacobs (Germanujo) oni sendis dankleteron al la senlaca afergvidanto. Esprimante dankon al ĉiuj anoj pro ilia intereso, precipe al la Zamenhofoj, la prezidanto deziris bonan laboron por plua jaro.

Kiu volas helpi en la disvastigo de Esperanto inter la pacifistaro, estas petata sendi aliĝon al la Ligo. Jarkotizo minimume 0.50 Gm aŭ egalvaloro. Oni adresu al la prezidanto S-ro direktoro *J. Glück, Berlin W. 62, Bayreutherstr.* 3, aŭ al la internacia kasisto S-ro *Oskar Fraenkel, Berlin-Charlottenburg* 4, *Krummerstrasse* 58, aŭ al la afergvidando S-ro *Michalek, Reichenberg (Ĉeĥoslovakujo) Lerchenfeldstr.* 20.

Rimarko de la kasisto: Duoble donas, kiu pagas rapide! Uzu nian poŝtĉekkonton: Berlin N. W. 7 N-o 130 518.

---

La nuna numero havas 24 paĝojn. Kun ĝi estas sendataj:

1. Tabelo de Enhavo por la jarkolekto 24, 1928.
2. Bulteno de la Internacia Labora Oficejo, n-ro 30.
3. Aliĝilo por la Konferenco pri Reklamo kaj Trafiko en Frankfurt am Main, pasko 1929.
4. Invitilo kun mendilo por partopreno al la 21a kongreso de Esperanto en Budapeŝto (de la Kongresa Servo de UEA).

Krom la jam cititaj aldonoj, ni sendas unu sorbpaperon, donacon de la Foiro de Lyon al la abonantoj en: Aŭstralio, Azio, Afriko, Britujo, Danlando, Dancigo, Italujo, Norvegujo, Saar, Sirio, Svedujo, Svislando, Usono, Nova Zelando.

---




## Esperanta Radio-Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

### DIMANĈO

07.00. — *Moskva*, 1.450 m. — K. aŭ sciigoj kaj Nov. — 60 min.
08.05. — *Langenberg*, 468,8 m. — Köln, Aachen, Münster. — 10 min. Semajna programo. — P.: S-ro Dormanns.
08.35. — *Langenberg*, 468,8 m. — Köln, Aachen, Münster. — 25 min. K.: Par.: S-ro Dormanns.

### LUNDO

18.50. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — Semajna programo. — 10 min. Preciza informo mankas.
19.00. — *Bern*, 411 m.; *Basel*, 1.010 m. — 30 min. — K.: P.: S-ro J. Schmid.
22.00. — *Moskva*, 1.450 m. — 30 min. Informoj.

### MARDO

19.15. — *Minsk*, 950 m. — P.: 30 min. — Prec. informo mankas.

### MERKREDO

16.30. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — Prec. informo mankas.
18.45. — *Wien*, 517,2 m. Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — P.: S-ro Smital. — 10 min.
19.00. — *Bruselo*, 508,5 m. — K. — P.: D-ro Kempeneers, 30 min.
19.30. — *Oslo*, 461,5 m. — Hamar, Fredrikstad, Rjukan, Porsgrund, Notodden. — P.: S-ro Bugge Paulsen. — 30 min. — K.

### JAŬDO

19.15. — *Kaunas-Kovno*, 2.000 m. — Informoj.
19.30. — *Madrid*, 375 m. — P.: Pastro Mojado, K. ŝajne finis.
21.00. — *Paris*, P.T.T., 458 m. — K.: 30 min.

### VENDREDO

16.30. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — Prec. informo mankas.
18.00. — *Stuttgart*, 379,7 m.; Freiburg. — 10 min. — Semajna programo. — P.: Prof Christaller.
19.15. — *Stuttgart*, 379,7 m.; Freiburg. — 30 min. — K. ĉiun duan vendredon. — P.: D-ro Vogt.
19.50. — *Zürich*, 588 m. — P. — Ĉiun 2an vendredon. 10 min.
20.00. — *Tallinn-Reval*, 408 m. — 5 min. — Par.: S-ro V. Vaher. Semajna informo pri kultura kaj ekonomia vivo.
20.35. — *Genève*, 760 m. — P.: S-ro Bouvier. — K., okaze informoj pri aŭ en Esp. — 10 min.

### SABATO

18.25. — *Breslau*, 322,6 m.; *Gleiwitz*, 329,7 m. — 10 min. P. pri sileziaj temoj. P.: S-ro Hanuschke.
18.55. — *Königsberg*, 303 m.; Danzig, 272,7 m. — 5 min. Semajna programo. — P.: F-ino Wermke.
22.15. — *Bruselo*, 508,5 m. — 5 min. Semajna programo. — P.: D-ro Kempeneers.
22.30. — *Leningrad*, 1.000 m. — Semajna programo.
22.30. — *Moskva*, 1.450 m. — Semajna programo.
— — *Madrid*, 375 m. — P.: Pastro Mojado. — Semajna programo.

NEREGULAJ DISSENDOJ

*Frankfurt*, 428,6 m.: Kassel. — P.: S-ro Wischhoff. — 30 min. K. por komencantoj laŭ la lernolibro de Degen kaj K. por progresintoj laŭ Unua Legolibro de Kabe.

*Nürnberg*, 241,9 m.: München, Augsburg, Kaiserlautern. — K. por progresintoj kaj P. pri div. temoj ĉiun dekan tagon plej ofte lunde aŭ jaŭde, 19.00 h. P.: S-ro Starke. — 30 min.

*Berlin*, 484 m.; Stettin. — P.: S-ro Glück. — 30 min. P. ĉiumonate.

---

*Paris*. — Sorbonne dum vendredo ĉiumonate, kunveno de la Esperantista Radio Klubo de Franclando. Sin turni al S-ro Henri Favrel, 27 rue Pierre Guerin, Paris 16.

---

ESPERANTO KAJ RADIO-GAZETARO

Gravan sukceson havas la Esperanto-Radio-afero en Germanlando. Nuntempe represas ĉiusemajne kvar grandaj germanaj radio-gazetoj la Esperanto-Radio-Programon, i.a. la mondkonataj radio-jurnaloj « Der Deutsche Rundfunk » kaj la « Funk ». Ni esperu, ke baldaŭ la radio-gazetaro de aliaj landoj sekvos al tiu ekzemplo. Interesuloj bonvolu sin turni al S-ro J. Jungfer, la redaktoro de tiu-ĉi rubriko.

**Radi-amatoroj**

S-ro Poul Lendorff, Overbyes Allé 38 en Kopenhago, Danlando, informas ke la *Internacia Radio Asocio* ree funkcias. Ĝia silento estis sekvo de gravaj malhelpoj nome malsano de ĝia prezidanto kaj troŝarĝiteco de ĝia Internacia Sekretario. Pro tio ke la ĝisnuna internacia Sekretario S-ro Aisberg ne plu povas plenumi tiun oficon, akceptis ĝin S-ro Lendorff en Kopenhago, unu el la fonditnoj de la I.R.A. Pri ĉiuj aferoj de la Internacia Radio Asocio oni do turnu sin al li laŭ supra adreso. (Komuniko mallongigita).

## Esperantista Vivo

*Naskiĝoj.*

Al Ge-sroj *Kr. Trikjakin*, Stara Zagora, Bulg., filineto Slaveja.

Al Ge-sroj *Frerk*, 61, Effra Road, London, S.W.2., filo nomita Lionel Clive Walter.

*Edziĝoj.*

S-ro *Raffaello Brunetti*, ano de UEA en Venezia kun F-ino Gemma Camerino, 15.XII.28.

S-ro *Vicente Orlando*, Delegito de UEA en Bahia Blanca Argentino, kun F-ino Hlaria B, Canduglia. 3.10.28.

S-ro *Hans Schäper*, Steele (Germanujo) kun F-ino Mabel V. Hewitson, Blackburn (Anglujo). Ili konatiĝis dum la kongreso en Edinburgo.

S-ro *Fr. J. Bederlunger*, filo de malnova honora membro de grupo Innsbruck kaj F-ino Trude Mahrhold.

*Honorigo.*

Profesoro D-ro *Bruno Migliorini*, Ano de la Esperantista Akademio estas nomita « komisiita profesoro » de latinida lingvistiko ĉe la Roma Universitato.

*87a datreveno de naskiĝo.*

S-ino *Anna Tuschinski*, pioniro de Esperanto en Danzig, dum longaj jaroj Delegitino de nia Asocio, festis 4.XII.1928, 87an datrevenon de naskiĝo.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Wilhelm Schlag, 67 jara, ano de UEA 3616, dum kelkaj jaroj Vicdelegito en Kötzschenbroda (Germanujo).

F-ino Sofia Chaler, filino de nia Delegito S-ro Sebastian Chaler en Tarrasa, 21 jara, post kruela malsano.

S-ro Sigismund Langrod, Grupano en Wiesbaden, edzo de S-ino Elly, membrino de UEA, filino de mortinta D-ro Hanau.

S-ro rektoro Joseph Driesler, ano de la grupo Breslau kaj de UEA, 29 Oktobro 1928.

S-ro Fritz H. Gnehm, Ano de UEA 29073 en Bern; 4 Dec. 1928 en Zürich.

S-ro pastro Loesche, Leipzig, post operacio 14. nov. 1928. Kongresanoj de Nürnberg, Danzig kaj Potsdam memoras la predikojn de tiu ĉi simpatia samideano, kiu interalie tradukis multajn kantojn el germana lingvo en Esperanton.

---

Sro Fritz Rockmann, Honora Membro de UEA kaj peranto por Germanujo en Magdeburg havis la malfeliĉon perdi amatan patrinon. Koran simpation kaj sinceran kondolencon. — Centra Oficejo de UEA.

S-ro Honoré Bourdelon, Delegito de UEA en Brignoles, Francujo dep. Var perdis filinon Denise Antoine en aĝo de ses jaroj.

*Sinceran kunsenton !*

## Esperantista Parolejo

**Oni laŭdas !**

* S-ro *C.G. Chinn*, ano de UEA en Welwyn Garden City, Anglujo, treege dankas al S-roj Boucon kaj Cresp, Delegitoj en Grenoble kaj Cannes, Francujo, pro helpo kaj konsilo dum lastatempa vojaĝo.

* S-ro *Virgilio Foschian*, Delegito de UEA en Crauglio. Italio, kvankam malfrue dankas kore al jenaj Delegitoj pro plenumita grava kaj delikata servo: S-ro Belhoste en Paris kaj S-ro Fr. Braun en Wien.

* S-ro *Ivan H. Krestanoff*, DM de UEA en Parizo esprimas plej koran dankon al Ge-sroj W. A. Gething en Luton, Ge-sroj G. A. Plowman en Northampton, Ge-sroj Holmes en Welwyn Garden City, S-roj Goldsmith kaj Newell en London, Ge-sroj Derry kaj filino en Birmingham, F-ino Claire O. Taylor en Coventry, F-ino Violet C. Nixon en Bourneville, Ge-sroj W. M. Appleby A. Evans en Cheltenham, al K-do Teodor Mihalĉeff, en Whiteway Colony pro neforgesebla gastameco dum vojaĝo.

* S-ro *Hermann Pietzner*, Delegito de UEA en Ermsleben (Germanujo) kore dankas al la jenaj samideanoj por dumvojaĝaj servoj, konsiloj, prizorgo de favorpreza hotelo, gvido tra Parizo k.t.p.: S-ro Hans Jakob, S-ro Robert Kreuz, S-ro Borsa (Genève), F-ino Gérard, VD de UEA, S-ro Grenkamp, S-ro Agourtine (Parizo) kaj Profesoron Vauthier en Tourcoing.

* S-ro *Paŭlo Balkanyi* kaj edzino kore dankas al delegitoj: S-roj R.M. Frey, Wien, Georg Fahrner, Bad-Ischl kaj Jos. Vogel, Salzburg pro vere modelaj servoj dum vojaĝo: atendante en diversaj tempoj ĉe la stacidomoj, prizorgo de taŭga loĝejo, gvidado ktp.

**Oni dankas.**

La samideanoj en Grandbritujo ŝuldas varman dankon al nia nova prezidanto de la Internacia Centra Komitato, Sinjoro John Merchant pro lia verva alvoko al, la tutmonda esperantistaro. Estas tempo ke ni flankenlasu ĉiajn negravajn kaj teoriajn disputojn kaj koncentriĝu en praktika laboro por la bono de nia afero. Ni konas la grandan laboron jam faritan en Anglujo de S-ro Merchant kaj havas plenan fidon al lia sukcesa gvidado de la Internacia Movado, laboro en kiu li nepre ricevos la helpon de sia ĉarma edzino, energia kaj talenta samideanino. Permesu ke mi publike gratulu ilin ambaŭ kaj esprimu deziron por multjara sukceza laboro sur la nova agadkampo.

*F.O. Lechmere-Oertel*, Londono.

**Oni informas**

Kaŭze de tute private-personaj kialoj mi devas rezigni el la ofico de la TEKA-prezidanto. La decido estas absolute neŝanĝebla kaj mi ne povus akcepti eventualan reelekton. Ĉe tiu okazo mi plej kore dankas al ĉiuj gekunfratoj, kiuj bonvolis amikece helpadi min en mia laboro por la TEKA.

Mi transdonas nun la oficon en la spertajn manojn de nia ŝatata vicprezidanto D-ro Robin kaj petas turni sin en ĉiuj TEKA-aferoj al: D-ro W. Robin, Varsovio, Pollando, 113, Marszalkowska. — D-ro *M. Blassberg* (Kraków).

***

Ni ricevis jenan leteron:

U.E.A., Geneva. 13 Decembro, 1928.

Estimataj Sinjoroj,

Mi rimarkas, ke en la nuna numero de « Esperanto » estas averto kontraŭ the Esperanto Institute, Ltd. de Londono.

Vardire la adreso de la supre nomita Instituto ne estas Londono, sed Welwyn Garden City, Herts. Ŝajnas al ni, ke pro tiu eraro, oni povas konfuzi la Institute kun The Esperanto Publishing Company, Ltd., kaj ni estus tre kontentaj se vi klarigus en la venonta numero de « Esperanto », ke ĉi tiu Instituto kaj The Esperanto Publishing Company Ltd. estas tute apartaj organizaĵoj.

Antaŭdankante vin, *Cecil Goldsmith*, Sekretario.

**Oni plendas**

Esperantistoj tre ofte opinias, ke reguloj kiuj valoras en la cetera vivo, ne aplikiĝas en verdstelumita mondo. Nia redakcio ofte ricevas anoncojn pri kiuj ni mem ne scias ĉu rifuzi aŭ ne. Regulo unua estas, ke la redakcio ne respondecas pri la enhavo. Ni fiksis certajn regulojn pri akcepto de reklamo, reguloj kiuj rilatas al bonmoreco. Ekzemple ni ne akceptas anoncojn pri sekretaj drogoj, pornografiaj libroj kaj aliaj dubesencaj artikloj. Feliĉe ke ne venas ofte tiaj mendoj de reklamoj, ĉar ne simple estus informiĝi. Sed kiel principon ni havas, kiel ĉiu alia gazeto: *ni ne respondecas pri la enhavo de la reklamo.*

Ni ricevis jenan plendon de leganto, delegito de UEA kiun ni represas:

*Permesu al mi mirigi pri la fakto ke en la gazeto troviĝas reklamo de trompulo. Tiu estas Lavu-Export de Bonn kiu promesas sendi por RM. 4.90 mantelon kaj kontraŭe sendas pecon de papero. Mi esperas ke estonte vi ekzamenos la moralecon de la anoncantoj.* *C. G. Delegito.*

Ni ne aldonas ion je tiu-ĉi plendo. Ni konfesas ke ni neniam estus mendintaj por 4.90 RM mantelon. Aliflanke ni vidis la reklamilon pri tiu-ĉi objektoj kaj konstatis ke ĝi povus erarigi leganton. Ni do malakceptis por la estonto mendon de tiu-ĉi firmo.

***

Ni ricevis plie leteron el kiu ni ekstraktas la jenon:

Mi estas petita de S-ro Bertoja, 42 rue du Drapeau, Dijon, sciigi al samideanaro pere de « Esperanto » ke S-ro Ĉuroff Miko, bulgaro, kiu pasis en Dijon lastan Julion kun sia edzino, estas fripono; li pruntis de S-ro Bertoja 200.— fr. fr. kaj ne redonis la monon; nun oni ne plu scias kie li estas.

**Oni petas**

Por nova propagandilo mi bezonas kelkajn klarigojn el ĉiuj landoj kaj mi estus tre dankema al ĉiu delegito se li bonvolus respondi jenajn demandojn kaj plenumi peton urĝan.

1. En kiu lingvo estas redaktataj la manĝo-kartoj de unua- kaj duaklasaj hoteloj kaj restoracioj en via loko?
2. Ĉu ili estas redaktataj en gepatra kaj fremda lingvo?
3. Kiom da hoteloj kaj restoracioj unua-kaj duaklasaj estas en via loko?
4. Ĉu vi estas preta kunlabori en tiu propagando?
5. Mi estus tre kontenta se vi bonvolus sendi al mi specimenojn de manĝokartoj de hoteloj kaj restoracioj unua- kaj duaklasaj. Por plifaciligi la laboron bonvolu esperantigi la tekston; manĝokartoj redaktataj en franca, germana kaj angla lingvoj ne bezonas tradukon.

Ĉar la nova propagandilo baldaŭ estas preta, bonvolu sendi viajn respondojn senprokraste. Jules PERLET,

*Esperanto -Propagandejo Svisa, Poŝtkesto transito* 560, *Bern.*

***

Kun granda surprizo ni sciigis, ke malgraŭ ĉiaj niaj klopodoj, eksigi ĉiujn plendojn pri ne kvitancita monsendo pro forigo de la kongresa deficito el la XVIa, aŭ pri nerespondo al leteroj, troviĝas nun ankoraŭ samideanoj, kiuj ne estas kontentigitaj. Mi petas ĉiujn tiujn, precize informi nin, por ke ni povu kontroli la aferon.

Kun antaŭa danko. D-ro Edmund Sos,
I. Tuchlauben 18, Por la L.K.K.-Wien:
Wien (Aŭstrio). *Komitatano de UEA.*

***

En 1929 la Universala Kongreso okazos en Budapest kun antaŭkongresoj en Praha kaj Wien. En Leipzig estos la mondkongreso de SAT. Ĉe la alirvojo al tiuj okazaĵoj situas la urbo *Zittau en Saksujo* (Germanujo). Ĝi distancas de Dresdeno 2 horojn, de Leipzig 4 horojn, de Reichenberg 1 horon kaj de Praha 3 horojn.

Zittau estas interesa pro la ĉirkaŭaĵo, la « Luzacia kaj Izermontaroj ». Grandioza panoramo de sur la plej altaj montoj, romantikaj ruinoj de kasteloj, unike belaj res'aĵoj de iama monaĥejo, belegaj lagoj, grandaj arbaroj, ĉarmaj urboj, vilaĝoj kaj kuraclokoj restas neforgeseblaj por ĉiu vizitanto.

Pro tio la urbo Zittau estas vizitata ĉiujare de dekmiloj da homoj kun ĉiaj turistaj intencoj.

Estas rekomendinde al ĉiu kongresano en 1929, ke li uzu la okazon viziti nian regionon, vera juvelujo de la naturo. Ankaŭ ĉe aliokazaj vojaĝoj al proksimaj urboj oni ne forgesu fari la mallongan veturon al Zittau. Ricevinte sciigon, lokaj esperantistoj volonte akceptos gesamideanojn.

La Zittau-a porfremdula asocio ne estas jam gajnita por Esperanto. Sed ekzistas bela gvidlibro, kiun la subskribinto verkis kaj presig's. La esperantistoj estas petataj skribi al Verkehrsverein E.V., Geschäftsstelle Weberstr. Zittau (Germanujo).

Postulu alsendon de la Esperanta gvidlibro (bonvolu nomi curbestro. Tiu s'njoro estas decernento por la lernejoj. Konvinkiĝos pri la utileco de Esperanto.

La sukceso de mia propagando povus havi gravan rezulton. Inter la estaro de la porfremdula asocio troviĝas ankaŭ la vicurbestro. Tiu sinjoro estas decernento por la lernejoj. Konvinkite pri la disvasteco de Esperanto li povus esti gajnebla por enkonduko de nia lingvo en la urbajn lernejojn.

Per malmultege da mono (sufiĉas poŝtkarto) kaj nebezonante rimarkindan tempon, vi povos fari eksterordinaran servon por la progreso de nia movado. Do, skribu tuj (germanoj en germana lingvo, sed nepre rilatu al tiu ĉi gazeto) kaj postulu la esperantlingvan gvidlibron « Zittau kaj ĝia montaro » ĉe la nomita adresso.

Karl KNOLL, Zittau.

**Oni proponas**

La elparolo de propraj nomoj en la Slavaj landoj estas iome langtordanta por la okcidentanoj. Ĉu ne estus bone presigi sciigojn pri tio, kun (eble) listeto de la ĉefaj nomoj de la komitatoj, urboj, stratoj k.t.p. — Nia lingvo taŭgas bonege por klarigi al balbutema okcidento la gorĝkrevigajn sonojn de l'Oriento. — *Edw. H. Ede*, Dunheved, Penylan, Cardiff.

# En kelkaj linioj...

*** La Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno laŭ konfirmo de la Nacia Biblioteko en Vieno estas do sub ties kontrolo kaj la dirita biblioteko zorgos pri la aferoj de la muzeo. La malfermo de la muzeo okazos la 30an de julio 1929 en la festsalono de la Hofburg, la iama imperiestra kastelo. De 1929 la legejo disponas al la samideanoj la plimulton de la esp. gazetaro. Personoj kiuj volas pliriĉigi la korektojn de la muzeo povas sendi objektojn, al la suba adreso. La nomoj de la donacintoj estas publikigotaj. Ĉiu sendaĵo estas konfirmota per dankletero kaj unu ekzemplero de gvidlibro en Esperanto pri Vieno kaj Malsupra Aŭstrio. Unua Esperanto-Unuiĝo en Vieno decidis donaci sian riĉan bibliotekon kaj arkivon al la muzeo. Aliaj sekvu!

Adreso: Internacia Esperanto muzeo, Annagasse 5, Wien I.

Por la Loka kuratora Komitato: Hugo STEINER, prez.

*** La Brita Esperanto-Asocio, 142, High Holborn London W.C. I., aranĝos karavanon por pasigi libertempon de la 13a-20a de julio en Oostduinkerke ĉe belga marbordo kaj alian en Rouen de la 27a julio ĝis 3a de aŭgusto 1929. Interesuloj petu detalojn.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo. gaz.* = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado. Ni atentigas plie, ke la redakcio ne respondecas pri la tekstado.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Adorp* (Nederlando). — F-ino A. Brill, L, PK, PIK, ĉ.l.

*Amsterdam.* — S-ro N.A. Zilver, Damrak 95, PM, ekskluzive mezeŭropajn, malakceptas bagatelaĵojn.

*Antverpeno* (Belgujo). — S-ro Alenis Renant, Van Halmaelestraat 31, PI Fot-ajoj. Nepre respondos.

*Antverpeno* (Belgujo). — S-ro L. Warschawsky ,Loosstraat 42, L, PI precipe kun fraŭlinoj el ĉiuj landoj.

*Aabyhöj* (Danlando). — S-ro L. Friis, Aabyvej 75, PI, PK, L pri ĉiuj temoj k.ĉ.l. Ĉiam resp.

*Bahia Blanca* (Argentino). — S-ro Vicente Orlando, Str. Alsina 257, PM, k.ĉ.l. Ne akceptas bagatelajojn.

*Eksjö* (Sved.). — Fraŭlo deziras korespondi kun Hispanujo, Bulgarujo, Ruslando kaj Italujo pri religio kaj ĉiuj aliaj temoj. Certe respondos. N. o.28, Box 46, Eksjö. (Ricevita sen nomo. Rim. de la Red.)

*Genève* (Svislando). — S-ro Eugene Isler, Grand-Lancy, PI, L, k.ĉ.l. pri iuj temoj. Certe resp.

*Helsinki* (Finlando). — S-roj Felix kaj Aarne Vilppula, Malminkatu 24a6. L, PK, k.ĉ.l.

*Görlitz* (Germanujo). — S-ro Gerhard Klau, Bismarckstr. 27-I, PI, bfl; ĉiam resp.

*Köln-Bickendorf* (German.). — S-ro Schulze, Rochusstrasse 35, Esp. Gaz. PM minimume 300 nedifektitaj. Donas ankaŭ Danzig, Svedujo. Escepte Polujo, Ĉeĥoslovakujo, Aŭstrujo.

*Haapsalu* (Estonio). — S-ro Eduard Jungerman, Vönnu 31, PM. Rapide resp.

*Haapsalu* (Estonio). — S-ro Voldemar Metsky, Meistri 3, PM, PI gaz., fot-ajoj k.ĉ.l. Certe respondos.

*Kortrijk* (Belgujo). — S-ro Paul Goethals, 77 Bheerstraat, L, PI, bfl. prefere koloritaj, K.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Lapinlahti* (Finlando). — F-ino Hanna Kasurinen, studentino, L, Pk, kun anglalingvaj korespondantoj.

*Las Martinas* (Kubo, Prov. Pinar del Rio). — S-ro pastro Agustin Lopez, PM, k.ĉ.l.

*Leipzig* N 22. — S-ro Karl Preu, Pol. Mö. 4, B,. Pm Pi Pk Gaz. Ĉiam resp.

*Lübeck* (German.) — S-ro D-ro Möbusz, Falkenstrasse 12, serĉas poŝtajojn afrankitajn per maŝinstampajoj, ne per PM. Li donas kontraŭe PM, esp. sigelmarkojn k. t. p.

*Lyon.* — S-ro Mercier, rue Dedieu 36, PM, k.ĉ.l.

*Mikstat* (Polujo). — F-ino Janina Bieganska, PI, PM k.ĉ.l.

*Mortsel* (Belgujo). — S-ro M. Pairon, Langeweg 19, Delegito de UEA, aĉetas vendas interŝanĝas grandkvante ne uzitajn bonfarad-aer-olimpiad-kaj memor- PM. Serĉas en ĉiuj landoj, escepte en Ĉeĥoslovak., German., Aŭstrujo, Rumanujo kaj Nederlando seriozajn filatelistojn por reciproka kunhelpo en la varbado de maloftaj PM. — Ne sendas unue.

*Moskvo.* — S-ro Zinaida Saŝkina, 57 Bulvar Smolenski, Zooteknika Instituto, PI, L, Naciaj Kaj agrikulturaj gazetoj.

*Neukirchen im Erzgebirge* (Germanujo). — S-ro Paul Hoyer, PI fot-ajo gaz. PM. Ĉiam respondas.

*Nottingham* (Anglujo). —S-ro H.O. Schofield, 57, Caledon Road, deziras korespondadi kun arhitekturistaj studentoj pri arhitekturaj temoj.

*Osaka* (Japan.). — S-ro Risuke Kataoka, 5, Gamo-ĉo, Higaŝinariku, PI, k.ĉ.l. nepre respondos.
*Petäjärvi* (Finlando). — S-ro Aappo Kurikka. Ryhmä, L. PK, PI, PM, bfl, kĉl, sed precipe kun fraŭlinoj de Afriko, Japanio, Ĉinlando, Indio, Aŭstralio, Mexiko kaj Ruslando. Ĉiam respondas.
*Rymättylä* (Finlando). — F-ino Sofia Kustonen, PI, L.
*Sevilla* (Hispanujo). — S-ino Angeles Jiménez Oliver, str. Quevedo nº 11, nur deziras PM. kontraŭ sendo de PM, PI, kaj fotajoj; korespondas france, hispane kaj esperante.
*Sevilla* (Hispanujo). — F-ino Rosa Martinez Usón, str. San Fernando nº 39, nur interŝanĝaas PM; korespondas france, hispane kaj esperante.
*Sevilla* (Hispanujo). — S-ro Sánchez del Pando, strato Quevedo, nur PM; korespondas france, hispane kaj esperante.
*Sliven* (Bulgar.). — S-ro D-ro St. Kadiev, Kuracisto, L, PK pri okultismo, teozofio, rozkrucismo kaj popola higieno. Ankaŭ en gemana, franca kaj rusa lingvoj.
*Sönderborg* (Danlando). — S-ro Andreas Jans, Helgolandsgade 19, 25 jara, PI, k.ĉ.l.
*Solingen* (German.). — S-ro Artur Gitzinger, Dorperstr. 27-II, L, PI, bfl. kun sinceraj gekorespondantoj. Tuj respondos.
*Tarrasa* (Hispan. Barna). — S-ro Raphael Fernandez, PI bfl. PM k.ĉ.l. Tuj kaj certe respondas.

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Abeloj.* — Stefan Hagara, observanto de abelista stacio en Zabokreky n. Nitrou, Slovakio, Ĉ.S.R., deziras interŝanĝi abelfotografon kaj bildon de abelfloro ankaŭ korespondi pri abeloj kaj div. temoj kun la tuta mondo.

*Averto.* — S-ro Emilo Chudoba, en Stonava, Ĉehoslovaka Respubliko, Silezio, plendas pri jenaj anoncintoj, kiuj ne respondis al li:

Francisko Abel en Halmagiu, Rumanio. Georges Haddad en Port Said, Egiptujo, Anton Vlasak en Uzhorod, Ĉ.S.R. Georgo Sirkis, en Kairo, Egiptujo. P. Groenhart en Malang, Nederlanda Indio. Ajzyk Oljan, Bialystok, Polujo. G. Sambito, Napoli. Petras Jalovakas en Mariampole, Litov. Aurelo A. Nana, Petrila Mina Deac, Ruman, F-inoj Marta E. Rippon en Helsinki, Adriano Cotto, Torino.

*Cigarvendistoj, librovendistoj* k.t.p. — Per vendado de poŝtmarkoj vi povas gajni bonan facilan profiton senriske. Petu pri informoj de Globus, Box 35, Boras, Svedio.

*Eltrovaĵo.* — Por grava eltrovaĵo mi bezonas laŭ ĉiuj kondiĉoj fleksebla vitron. Samideanoj bonvolu sciigi min pri en-aŭ eksterlanda fabriko. Jos. Michalsky, del. de UEA, Spiš. Nová Ves. z. XIX. Ĉehoslovakio.

*Esperanto.* — La Bibliografia Servo de UEA deziras akiri plenajn kolektojn de *Esperanto*, oficiala gazeto de UEA, jarkolektoj 1905 kaj 1906, tiutempe privata eldonaĵo de P. Berthelot. Ofertojn oni sendu al Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando.

*Filatelistoj.* — Mi interesiĝas pri bonaj PM laŭ Yvert 1929. E. Catz, Str. San Petru 23, Braila, Rumanujo.

*Filatelistoj.* — Mi sendas por 500 PM de via lando 500 Hungarajn. Ankaŭ interŝanĝas laŭ Michel katalogo. Hideghi Béla, redaktoro, Gyöngyös, Vertanu u. 14, Hungario.

*Filatelistoj.* — Atentu. Ĉiujn PM de Francujo kaj francaj kolonioj vi trovos je malkaraj prezoj ĉe S-ro M. Lévy, 45, rue Courloison, Provins (S. kaj M.) — Sendu mankoliston.

*Filatelistoj.* — Kontraŭ seriozaj referencoj mi sendas belajn P.M. elektajojn de Belgujo, Belga Kongo kaj Luksemburgo kun 60-80 % da rabato je ĉiuj katalogoj. Ĝis Majo 1929 mi liveras:

BELGUJO

1925 Jubilea serio (1849-1924) ....... 9,50 RM aŭ 11,50 Sv. Fr.
1928 « Orval » serio ............... 6,00 RM aŭ 7,50 Sv. Fr.
1928 Bonfarema serio 1a Decemb..... 2,25 RM aŭ 3,00 Sv. Fr.
ĉiuj en neuzita kondiĉo aŭ sur leter-koverto je via adreso.
V. Lamberts, 286 Blvd Lambermont, Bruselo. UEA 14320.

*Filatelisto* interŝanĝas poŝtmarkojn de kia ajn landoj kontraŭ aliajn de sia lando. Skribu al sekvanta adreso, Enrico Bocciardo, Corso Torino 28-11, Genova, Italio.

*Fotografaĵoj.*, de la XXa Universala kongreso de Esperanto en Antverpeno. Cent diversaj bildoj. Aĉeteblaj ĉe Wl. Golosow, Chmielna 8, Warszawa Pollando. Prezo de unu ekz. 0.11 Dolar.

*Gramofondiskoj.* — Novaj gramofondiskoj en Esperanto eble la plej bonaj ĝis nun fabrikitaj. Aranĝitaj de Profesoro Findlay kaj eldonitaj de la Gregg Publishing Co. Ltd. Ne tro multekostaj. Petu senpagan prospekton ĉe la solaj agentoj, British Esperanto-Association 142 High Holborn, London W.C. 1. Anglujo.

*Inĝenieroj ĉiulandaj.* — Bonvolu sendi vian adreson kun via profesia specialaĵo al S-ro Ch. Marseille, inĝeniero, Delegito de UEA, 127 Ave. Parmentier, Paris 11, por interrilatoj profesiaj...

*Interŝanĝo.* — Mi interŝanĝas L, PI, bfl. monerojn kun tuta strasse 27-II, Solingen, Germanio.
mondo. Certe respondos. Skribu al: Artur Gitzinger, Dorper-

*Revuoj.* — Kompletajn jarkolektojn de *Esperanto* de UEA antaŭ 1918 kaj « La Revuo » deziras akiri aĉete aŭ interŝanĝe. D-ro Walter Lippmann, Leibnizstrasse 13, Leipzig.

*Vitro-pentrado.* — Pentri sur vitro ĉiu povas ellerni. Skriba kurso en Esperanto enhavanta tri paĝojn por Kč. 20.— kun pentrita glaso kiel specimeno. Afrankite sendas kontraŭ antaŭe sendita mono: F-ino Marie Görtlerova Praha — Nusle 207, Ĉehoslovakio.


# ESPERANTO

**REDAKCIA INFORMARO**

La redakcio resendas manuskriptojn se tio estas postulata de la verkinto. Lasta tago por aperi en la numero de la venonta monato estas la 15a sub la kutima rezervo de disponebla loko. Respondecas pri artikoloj ĝeneralaj la subskribinto, verkinto aŭ tradukinto. Pri la enhavo aŭ celo de reklamoj ni ne akceptas respondecon. Estas principe malakceptataj reklamoj kaj tekstoj kiuj povus malutili al la bonfamo de la Asocio kaj de ĝia gazeto.

La abonoj komenciĝas en januaro. Estas akceptataj nur tutjaraj abonoj. Simpla abono kostas 10 Frk. sv. sen favorprezoj.

**ADMINISTRA INFORMARO**

Unu numero: 1.— Frk. sv. pagebla per respondkuponoj
Koresponda anonceto (maksimume dek vortoj) 1.25 Fr.
Anonceto (Petoj kaj Proponoj) dek vortoj 2.00.

Reklamo: Tuta paĝo 200.— Frk. 1/2 paĝo 100 Frk.
1/4 paĝo 50.— Frk. 1.8 paĝo 25 Frk.
1/16 paĝo 12.50 Frk. 1/32 paĝo 6.25

Rabato ĉe plurfoja enpreso de sama anonco laŭ interkonsento. Al makleristoj rabato de 20 %. — UEA: Simpla membreco 5.— Frk. Kun la gazeto ĉe samtempa aliĝo 12.50 Frk. Subtenanto: 25 Frk. sv.

# LYON'A INTERNACIA FOIRO

## 4ª ĝis 17ª de marto 1929




La propagandiloj de la Foiro de Lyon en Esperanto (sen la grandaj afiŝoj).